Xa jaro. No 159 (23) KRISTNASKA NUMERO 20 Decembro 1913

# ESPERANTO

Oficiala organo de UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO



Direktoro: HECTOR HODLER — Redaktejo & Administrejo: 10, rue de la Bourse, GENÈVE (Svisujo)

OKAZE DE LA NOVA JARO LA REDAKCIO DE ESPERANTO SENDAS AL SIA LEGANTARO KAJ AL LA ESPERANTIANOJ LA PLEJ KORAJN BONDEZIROJN.

TEKSTO



# PRIPENSOJ...

En movado kiel nia oni devas sin deteni de ĉiu tro pesimista aŭ tro optimista juĝo. Ne tiel simpla estas la vero. Pesimistoj komparas nian aferon kun ia neatingebla perfekteco. Ni do ne miru, ke juĝante la realecon laŭ siaj revoj ili en nia movado ĉion kritikas. Optimistoj alte taksas niajn progresojn, ĉar ili juĝas nian movadon atentante la malfacilaĵojn, kiujn ĝi senĉese renkontas sur sia vojo.

Aŭskultu ni la pesimiston: „De pli ol dudek jaroj ni batalas. De dek jaroj nia agado ne plu estas limigata je tia aŭ alia lando, sed ampleksas la tutan mondon. Ĉu vi de tiam notis vere gravan progreson? Niajn kongresojn ĉeestas nun ne pli multe da personoj ol antaŭ sep aŭ ok jaroj. Multaj el niaj organizaĵoj vegetas, la kursoj ne estas pli vizitataj ol antaŭe, eĉ ialoke malpli. Granda nombro de novaj gazetoj naskiĝis, sed egale granda nombro mortis. Nia literaturo pliriĉiĝis, sed tre malmultaj legas ĝin. Novaj grupoj kreiĝis, sed multaj el la malnovaj profunde dormadas. Post kvin jaroj UEA ne havas pli ol ses mil membrojn. Ni ne antaŭeniras; ni rondiras. Ĉiudu- aŭ trijare ni agitas la samajn demandojn, polemikas, repaciĝas. Ĉe la kongresoj ni ĉiujare aŭdas la samajn rekantaĵojn, aplaŭdas la samajn paroladojn, alprenas la samajn decidojn kaj foriras same kontentaj. Dume, la publiko indiferentas; la novaj varbitoj apenaŭ anstataŭas la batalantojn, kiujn forprenas la morto."

Post tiu malvarmiga parolado ni prezentu la orelon al la optimisto; „Antaŭ deko da jaroj, la Esperantista movado konsistis nur el kelkaj izoluloj fervorplenaj, sed tute nekonataj. En relative mallonga tempo ni sukcesis, malgraŭ sennombraj malhelpoj, starigi grandan movadon. Ĉiujn atakojn kontraŭ Esperanto ni venke forpuŝis; ĝi nun vivas ne sole en la libroj, sed en niaj koroj. Ni plibonigis niajn organizaĵojn, ebligis praktikan aplikadon de nia lingvo, pliriĉigis nian literaturon, ĉie konigis la nomon Esperanto. Paroli pri la estonta triumfo de Esperanto fariĝis jam senutila; tiu triumfo jam fakte ekzistas, ĉar la lingvo estas uzata de plej diversaj homoj por la plej diversaj celoj, ĉar ĝi vivas, ĉar ĝi alportas al ni novajn sciojn, novajn ĝojojn. Konsiderante la eksterajn malfacilaĵojn ni rajtas proklami, ke nia afero staras sur bona vojo."

Ĉu parolas la profeto pesimista, ĉu parolas la profeto optimista, ĉiam tra la ŝajne senpartia juĝo aperas la homo, kiu ĝin eldiras. Tre malfacile estas do objektive juĝi nian movadon; eĉ saman fakton oni plej ofte povas interpreti malsame. Penante forigi de ni ĉiun emon al pesimisteco aŭ optimisteco, ni tamen povos konkludi, ke nia movado estas nek en tiel malbona, nek en tiel bona stato, kiel asertas tiuj absolutaj profetoj.

Por taŭge juĝi nian aferon, ni ne devas ĝin izoligi for de la cetera mondo. Ni ja devas ankaŭ atenti pri la eksteraj kondiĉoj, kiuj povus favori aŭ malhelpi ĝian disvolviĝon; ni devas ĝin kompari kun aliaj movadoj.

Ni unue substreku tiun malnovan veraĵon, ke ĉiu *nova* ideo tre-tre malfacile enradikiĝas en la mondo. Ne sen kaŭzo ni insistas pri la vorto *nova*. Multaj ideoj aŭ celadoj, kiujn ni opinias novaj, estas en la realeco nenio alia ol malnovaj ideoj vestataj per aliaj vortoj. La mondo sin multe agitadas, sed la fortoj, kiuj movas tiun agitadon, estas tiel malnovaj kiel la mondo mem; nur alian nomon ili havas. Sed ĝuste Esperanto ne estas io jam vidita; ĝi estas nova ideo, nova *valoro*, kiu pliriĉigos la mondkulturon. Tial ĝi nur malfacile povas krei al si lokon en mondo multe pli okupata

je la interbatalado de malnovaj ideoj ol je la kreado de novaj sociaj valoroj.

Esperanto postulas de ĉiu homo, kiu venas al ĝi, ian laboron, ian personan penadon: nova malfacilaĵo. La homoj ja volonte aliĝas al iu nova opinio aŭ nova kredo, sed ili ne deziras, ke tio trudu al ili laboron.

Sed Esperanto ne restis sole ideo; ĝi fariĝis organizita movado, kaj interne de tiu movado estas homoj malsamaj laŭ rasoj, laŭ klasoj, laŭ opinioj — plej granda heterogeneco, kiu certe enhavas la ĝermon de multaj disputoj, malkonsentoj, malfacilaĵoj, rezultantaj el la diversaj mentalecoj. Nin ĉiujn unuigas nur lingvo, la deziro ĝin uzi kaj ankaŭ plimalpli precizaj ideoj pri paco. Ni do devas ligi nin al tiu necesega minimumo; pri ĉia alia ideo ni estu neŭtralaj aŭ, preferinde, toleremaj. Ju pli ni nombre plimultiĝos, des pli kreskos la malfacilaĵoj rezultantaj el la diverseco de nia anaro. Tial al la direktantoj de nia movado granda idelarĝeco kaj toleremo estas necesaj.

Plie la fatalo volis, ke al ĉiu nova movado, kia ajn estas ĝia celo, aliĝas, flanke de elementoj progresemaj kaj idealistaj, homoj kun utopia mentaleco, stranguloj, maniuloj, kaj aliflanke malkontentuloj, ambiciuloj aŭ simple amatoroj; ĉiuj malhelpas pozitivan agadon, ĉu ĉar ili ellaboras tute nerealigeblajn projektojn, ĉu ĉar ili uzas la movadon, al kiu ili aliĝas, por pure personaj celoj. Tion konis nia movado — kiel ĉiuj movadoj; nur iom post iom ĝi povas sin liberigi je tiuj skorioj.

Ne vane estas insisti pri tiuj diversaj malfacilaĵoj. Ili igas nin indulgemaj kiam ni konsideras nian propran agadon; ni pli juste povas taksi la signifon de nia penado, se ni atentis pri la malhelpoj, kiuj baras la vojon de ĉiu nova kulturcelado.

Ĉu nenio estas, Sinjoro pesimisto, ke Esperanto vivis malgraŭ la eksteraj atakoj, malgraŭ la trompallogaj provoj de reformado, ke ĝi, spite ĉio, evoluis normale, kiel antaŭvidis ĝia kreinto, ke ĝi kreis al si interesan literaturon, ke ĝi fariĝis parolata lingvo tiel sukcese kiel ĝi jam estis skriba lingvo? Ĉu nenio estas, ke tiun lingvon uzas kelkmiloj da diversnaciaj homoj, kiuj per ĝi interrilatis pri plej malsamaj fakoj de la socia vivo, konatiĝis, interfratiĝis? Ĉu nenio estas, ke almenaŭ multloke oni ne plu ridas je nia celado, sed serioze konsideras ĝin — ne kiel afero ankoraŭ tute certa, sed jam kiel afero inda je intereso kaj helpo? Ĉu oni rajtas diri, ke ĉio tio estas nenio?

Sed, kun justeco ni diros al la kontraŭulo: „Sinjoro optimisto, vi bedaŭrinde ne ĉiam estas prava. Jes, nia movado sendube progresis kaj gajnis je seriozeco kaj vivforto, sed vere estas, ke ĉe multaj, tro multaj lokoj oni konstatas ĉe niaj propraj samideanoj ankoraŭ tro grandan indiferentecon kaj apation por ĉiu serioza laboro, por tia metoda agado, kiu estas necesa kondiĉo de progreso. Sendube oni multe agitiĝas, bruas, festas, amuzas, sed por seriozaj vere utilaj laboroj prezentiĝas nur ĉiam sama malplimulto da sindonemuloj en kies manoj la granda plimulto fordonas ĉiun respondecon kaj ĉiun laboron. La inerteco de la ekstera publiko estas iafoje malagrabla, sed multe pli malĝojiga estas la inerteco de *nia* publiko. Ĉiuj, kiuj volis entrepreni ion en nia movado, tion ofte spertis en kruela maniero. Mankas nek bonaj intencoj, nek fervoro, sed pli simple volo kaj laboremo. Kritiki, ekskomuniki, tion ĉiu volonte faras, sed labori pozitive, akcepti respondecon, tion ĉi oni fordonas al kelkaj ĉiam samaj personoj. Jen, Sinjoro optimisto, grava danĝero, kiun kaŝi estas danĝere. Plej granda baro estas *nia* propra inerteco. Ĝi malgrandiĝos kiam ni konscios, ke la triumfo de Esperanto ne estas io estonta kaj absoluta, sed ke ĝia triumfo konsistas jam nun en tio, ke ĝi ekzistas kaj utilas.

* * *

Post la pesimisto kaj la optimisto venas la kuracistoj.

La unua diras al ni; „Esperanto progresis en la komenco nur dank'al individua propagando. Ni do revenu al tiu sistemo. Senutila estas organizo. Esperanto estas nur lingvo. Ni penu varbi novajn lernantojn. Tio sufiĉas. Ĉio alia estas nur preteksto por vanaj disputoj pri honoroj aŭ por persona ambicio.“

La dua proklamas: „Ni pli rapide progresus, se nia organizo estus pli bona. Ni devas kunigi la naciajn societojn en centra organizo, starigi komitaton, kiu direktos la propagandon, havi propran parlamenton. Nur per severa organizo ni sukcesos.“ Kaj inter la personoj tiel parolantaj, iuj donas la unuan lokon al la naciaj societoj, aliaj al la lokaj grupoj, aliaj al UEA.

La tria sugestas: „Esperanto sukcesos nur kiam ĝi estos disvastigata en specialaj rondoj, profesiaj aŭ partiaj. Ni do okupu nin antaŭ ĉio je propagando inter specialistoj. Ĉia alia tro ĝenerala agado ne efikas.“

La kvara murmuretas: „Ĉio en nia movado estus bona, se S-ro A. ne estus prezidanto de nia grupo aŭ se S-ro B. ne estus delegito“ — kaj sian tutan laborkapablon li dediĉas al tio, ke S-ro A. ne plu estu prezidanto aŭ S-ro B. delegito.

Ĉiuj tiuj vidpunktoj prezentas *partan* veraĵon, sed bedaŭrinde iliaj reprezentantoj pli okupiĝas ekskomuniki la partianojn de la ceteraj veraĵoj, ol realigi tion, kio en iliaj proponoj estas realigebla. Partan plibonigon ili konsideras kiel absolutan solvon. Do, disputoj, polemikoj, disperdo de energioj. Ĉu estas bezone rimarkigi, ke se individua propagando estas nepre necesa, ĝi per si mem tute ne sufiĉas. Scii Esperanton estas unu afero, ĝin uzi kaj ĝin propagandi estas afero ne malpli necesa. Por tion ebligi, necesa estas organizo, kiu taŭge dividos la laboron kaj harmonie kunordigos la individuajn penadojn. Reciproke, organizo, kiel ajn bona en si mem ĝi estas, ne povas vivi sen la paralela agado de siaj membroj. Individua propagando kaj bona organizo estas do samgradaj necesaĵoj. Aliparte, certe dezirinde estas, ke Esperanto disvastiĝu ĉe specialaj rondoj, profesiaj aŭ ideaj, sed kondiĉe, ke oni pro tio ne preterlasu la gravecon de la ĝenerala propagando aŭ uzado. Antaŭ ol esti kuracisto, komercisto aŭ socialisto, oni estas *homo*. Fine, ne dube estas, ke en nia movado ne ĉiuj personoj estas same estimataj aŭ estimindaj, sed kial sin okupi nur pri tio? Ĉu ne estas mil manieroj esti utila al nia afero, eĉ se en via urbo la prezidanto de la grupo aŭ la delegito ne plaĉas al vi?

Ĉiuj supre notitaj vidpunktoj, laŭ la cirkonstancoj, povas esti pravaj, sed absolutaj receptoj ili ne estas. Ni gardu nin formi en nia movado sektemajn partiojn kun mallarĝa kredo. Utiligi malsamajn verojn, laŭ la bezonoj de la momento, ĝuste estas la merito de la bonaj gvidantoj. En la lastaj jaroj utile estis speciale insisti pri la neceseco de bona organizo. Nian organizon ni plibonigis; fariĝis nun denove utile atentigi pri la bezono de energia individua agado. Tion farante ni ne ŝanĝas opinion; ni nur penas restarigi taŭgan ekvilibron. Relativeco de principoj trudas al ni toleremon.

* * *

. . . Mi estis eltironta konkludojn el la supraj pripensoj, kiam meze de duonkonscia cerbumado, prezentiĝis al mi subite, mi ne scias kial, la bildo de mia amiko Laborulo. Utilos verŝajne, ke mi lin prezentu, ĉar de multaj el ni li ne estas bone konata. Sinjoro Laborulo ne estas tre eminenta persono. Malofte vi vidos lin sur estrado. Se li tamen kuraĝas ekparoli — cetere ne per tre brilaj frazoj — tio estas pli por esprimi opinion kaj ideon, ne ĉiam malpravan, ol por ĝui aplaŭdojn. Al la gazetoj li tre malofte

sendas „literaturajn“ tradukojn (tion li faris nur, kiam li estis lernanto) kaj mi ne timas pretendi, ke li eĉ ne faris versaĵon. Sinjoro Laborulo estas modesta oficisto, kiu fininte sian ĉiutagan laboron, dediĉas la liberajn horojn al nia afero. Pri Esperantista politiko li malmulte sin okupas, kaj, verdire, mi suspektas, ke li ne ankoraŭ havas pretan solvon por sukcesigi Esperanton, sed unu aŭ dufoje en la semajno Sinjoro Laborulo faras Esperantan kurson. Li penas ne sole instrui la lingvon, sed ankaŭ ĝin utiligi, tiel ke liaj instruitoj ne perdu sian tempon. Li atentigas ilin, ke Esperanto estas viva lingvo kaj kiel ĉiu tia lingvo devas esti respektata. Li gardas ilin je ŝanĝemo aŭ gramatikomanio, sed same gardas sin insulti tiujn, kiuj ne pensas same. Kompreneble la duono de la lernantoj forkuras, sed tio lin ne senkuraĝigas. Li scias, ke inter la homoj estas amaso de amatoroj kaj malobstinuloj. Li penas eduki la restantan duonon. Tiel lia laboro neniam estas tute vana. Sinjoro Laborulo, se mi ne eraras, estas sekretario aŭ kasisto de la grupo. Oni ŝatas lin, ĉar li havas ordon. Bona administranto li estas. Ne multon li promesas, sed kion li promesas, tion li faras ĝustatempe. Mi tre dubas, ĉu li estus kapabla fari teorian disertacion, ĉu Esperanto estas nur lingvo aŭ ĉu ĝi estas socia movado, sed ĉiuokaze mi scias, ke kiam li ricevas leteron, li ĝin legas kaj respondas. Kvankam li estas fervora grupano, membro de nacia societo kaj eble ankaŭ de faka grupiĝo, li akceptis esti Delegito de UEA. La cirkulerojn, kiujn li ricevas, li penas plenumi. Li ne tuj skribas: „Senutile estas klopodi, ĉar ni ne sukcesos“ aŭ „niaj samurbanoj estas tre indiferentaj“ — sed li almenaŭ provas: Vere, li ne ĉiam sukcesas, sed almenaŭ el kelkaj tiaj klopodoj, kelkaj havis pozitivan rezultaton. Mi neniam aŭdis, ke en iu ajn kongreso li kompetente parolis pri la diferenco inter per- kaj poresperantaj organizaĵoj, nek ke li severe admonis UEA resti en la limoj de ĝia agado, sed lia grupo eldonis gvidfolion, kiun UEA disdonis. Ĉu oni kuraĝos kredi, ke tiu strangulo ne ĉiam surportas la verdan stelon, nek al ĉiuj ajn personoj parolas pri Esperanto? Tamen, la elektitaj personoj, kiujn li varbis, estas seriozaj kaj fidelaj al nia movado. En la urbo li ne estas konata kiel fantaziulo, kiu senĉese ripetadas la vorton Esperanto. Ne, oni respektas lin. Glumarkojn li ne kolektas (verdire li tion permesas al sia knabeto), sed li regule pagas siajn kotizaĵojn kaj abonojn. Mi devas aldoni, ke li sincere kantas „La Espero“ ĉe la kongresoj kaj same sincere kredas, ke la amo al la homaro — kiun Esperanto ĝermigis — ne forigas la amon al lia patrujo — sed li ne ĉiam havas en la buŝo la vorton „frateco“ kaj „amo“, ĉar li malprecize konscias, ke tro ofta uzado de tiuj noblaj vortoj forprenas iom da ilia sankteco. Fine, mi scias, ke S-ro A., la vicprezidanto de la grupo, ne plaĉas al li. Li tamen ne ankoraŭ insultis lin, filozofie li premas lian manon en la intereso de l'paco, kvankam vere... Cetere, mia konatulo, mi tion forgesis diri, estas nek heroo, nek apostolo, nek pioniro. Li estas simple... Laborulo.

* * *

Delogite, de la bildo de mia amiko Laborulo, mi ne plu povis konkludi. Mi ankaŭ ne plu bezonis...

Ĉu Sinjoro Laborulo havas multajn samspeculojn en Esperantujo? Mi ne kuraĝus jese respondi, sed ĉiuokaze mi scias, ke de ilia multeco, pli ol de tia aŭ alia teorio, dependas niaj estontaj progresoj. Unue vivi, poste filozofi...

H. HODLER.

---

# AL NIAJ LEGANTOJ

*Dum la nun finiĝanta jaro ESPERANTO aperis kun ŝatita reguleco. La presado kaj eksteraĵo de la gazeto estis plibonigitaj. Aperis du specialaj Numeroj: okaze de la Kongreso (24 paĝoj) kaj okaze de Kristnasko. Malgraŭ limigita spaco, ni publikigis — en la neesperantista parto — krom la notoj multajn artikolojn pri tre diversaj temoj de ĝenerala intereso. Kelkaj el tiuj artikoloj estis tradukitaj kaj presitaj en nacilingvaj gazetoj; aliaj — ni tion scias — ofte utilis al niaj legantoj. Instrui kaj utili per Esperanto, jen nia celo. Iafoje oni riproĉetis, ke ESPERANTO estas tro serioza. Tiun riproĉon ni tre volonte akceptas, sed... ni ne intencas tion korekti. Sufiĉe da gazetoj ekzistas por la instruado de nia lingvo; por ili taŭgas anekdotoj, literaturaĵoj kaj humoraĵoj; sed ni opinias, ke flanke de ili devas esti gazeto kiu penas informi sian legantaron pri seriozaj nuntempaj demandoj de internacia intereso — ili ja ne mankas. Nia lingvo ne estas ludilo; ĝi ne servas sole por distri; ĝi ankaŭ estas bonega ilo por interŝanĝado de ideoj kaj faktoj gravaj por la antaŭeniĝo de la civilizacio, la plibonigo de la homa vivo, la plifaciligo de la interpopolaj rilatoj. Laŭ sia modesta povo nia gazeto jam helpis al tio; ĝi daŭrigos tion fari en la estonteco.*

*Al ĉiuj niaj bonvolaj kunlaborantoj ni esprimas nian sinceran dankon pro ilia kunhelpado. Estonte kiel ĝis nun la kolonoj de nia gazeto restos malfermataj al ĉiuj personoj, kiuj deziras konigi fakton, ideon, movadon, sperton interesan el kultura vidpunkto.*

*Kaj al ĉiuj niaj legantoj ni alvokas: Se vi opinias, ke nia laborado estas subteninda, repagu vian abonon; se vi opinias, ke ESPERANTO meritas pluajn legantojn, varbu al ni novajn abonantojn!*

**La neantaŭvidite granda amplekso de nia Enketo pri la estonteco de Esperanto devigis nin prokrasti ĉiujn anoncojn kaj reklamojn ĝis la proksima N-ro. Niaj anoncantoj bonvolu nin senkulpigi! Pro la afrankolimo ni ne povis pligrandigi la nombron de la paĝoj, tiom pli, ke al la nuna N-ro nepre devis esti aldonata la tabelo de enhavo de la jarkolekto.**

* * *

**Pro la Kristnaskaj kaj Novjaraj festoj, ESPERANTO ne aperos la 5 januaro. La proksima Numero, kun pli granda nombro de paĝoj, aperos antaŭ la 20 januaro.**

---

## Saluto al Zamenhof

*Al ĉiuj popoloj benatan donacon*
*Vi faris, trafante la vojon plej bonan:*
*En koroj de l'homoj eksemis vi pacon,*
*Sur lipoj semante la lingvon belsonan.*

*Nun kreskas en mondo spirito homara,*
*Kaj iom el via noblega animo,*
*Per ĉiu parolo de lingvo la kara*
*En koroj vastiĝas al vivo sen limo.*

EDMOND PRIVAT.

# SKIZOJ EL LA HISTORIO DE ESPERANTO

## LINGWE UNIVERSALA — BJELOSTOKO — LA UNUA LIBRETO

En pasinta jaro jubilea estis eldonitaj kelkaj verkoj pri historio de nia lingvo kaj movado, el kiuj nia nuna esperantistaro povas bone kompreni ĉion, kio okazis post la jaro 1887, en kiu estis eldonita la unua libro kun la mondkonata titolo: D-ro Esperanto. Internacia Lingvo. Antaŭparolo kaj Plena lernolibro.

En ĉiuj ĉi nomitaj historiaj verkoj oni trovas tre malmulte pri la antaŭhistorio de nia lingvo, escepte nur citajojn el la fama Zamenhofa letero al N. Borovko, konata sub la nomo: Letero pri la deveno de Esperanto.

Ŝajnas, ke ne estas eble aldoni ion al ĉi tiu periodo de nia lingvo, kiam ĝi estis efektive tute privata afero de aŭtoro de Esperanto; tamen se oni la leteron funde pristudas, oni trovas multajn interesajn punktojn, kiuj estas vere indaj, por ke oni kun ili pli profunde konatiĝu.

Unu el ĉi tiuj interesaj punktoj en ĉi tiu grava, historia dokumento estas tiu, kiu rilatas al la evoluo de nia lingvo.

Ne estas eble sekvi la tutan psikologian proceson, el kiu elkreskis la lingvo tia, kia ĝi prezentiĝas en la „Unua libro", sed en certa tempo t. e. en la jaro 1878 (do naŭ jarojn antaŭ la jaro, en kiu aperis Unua libro) nia lingvo jam atingis tian staton, ke hodiaŭ oni povas konstrui al si pri ĝi almenaŭ versimilan bildon.

La lingvo havis tiam ne nur sian apartan nomon „Lingwe uniwersala", sed ĝi posedis eĉ ian literaturon, ĉar laŭ la letero al Borovko „sur la tablo, krom la gramatiko kaj vortaro, kuŝis kelkaj tradukoj en la nova lingvo". La 5-an de decembro la junaj adeptoj de la lingvo, okaze de ĝia kvazaŭ publika naskiĝtago, kantis eĉ jam himnon, kies komencaj vortoj al ni estis konservitaj, kaj kiuj estas nun la sola fonto, el kiu oni povas sin almenaŭ parte informi pri la strukturo de nia tiama antaŭesperanto.

La nomita strofo estas:

Malamikete de las nacjes,
Kadó, kadó, jam temp' está!
La tot' homoze in familje
Konunigare so debá!

(En nuna Esperanto tio ĉi signifas: Malamikeco de la nacioj falu, falu, jam tempo estas! La tuta homaro en familion unuiĝi devas.)

La „Lingwe uniwersala" estis certe skribita per latinaj literoj, sed anstataŭ nia simpla *v* estis uzata duobla *w*. Krom mallongaj vokaloj ekzistis ankaŭ vokaloj longaj, kun streketo super la koncerna vokalo, *ó, á*, kiel ekz. en vortoj *kadó, está, debá*, kaj versimile (kiel ni pli poste pruvos) ankaŭ *é, í, ú*.

La finiĝo de substantivoj estis mallonga *e (lingwe, nacje, familje)*, kiu povis esti anstataŭata per apostrofo ', kiel okazas ankaŭ nun ĉe substantiva finiĝo *o*.

Ekz.: *home* (homo) hom'
*tempe* (tempo) temp'
*amike* (amiko) amik'.

Por la multenombro oni aldonis konsonanton *s*.

Ekz.: *nacje* — *nacjes*
*home* — *homes*.

Akuzativo estis la sama kiel nominativo, kion ni sciiĝas laŭ tria verso en vorto *familje*, kie laŭ nia nuna pensmaniero devus nepre esti uzata akuzativo. Genitivo estis esprimata per helpo de prepozicio *de*, sed por dativo ni havas neniajn dokumentojn. Artikolo estis kiel nun *la*, sed havis ankaŭ multenombran formon *las;* simile kelkaj plej malnovaj nespertaj esperantistoj uzis multnombran formon por nia neŝanĝebla *la* — *laj*.

Alia pruvo, ke ne ekzistis akuzativo estas la pronomo *so*, kiu ne povas esti akuzativo.

Laŭ ĉi tiu pronomo *so*, personaj pronomoj posedis finiĝon *o* (eble *mo, vo, so, ono*) k.t.p.

Infinitivo de la verboj estis formata per finiĝo *are*, kiel en vorto „konunigare".

Ekz. *debare* (devi), *estare* (esti), *kadare* (fali). La tempo estanta havis finiĝon *á*, *vo está* (vi estas), *vo debá* (vi devas); la modo ordona finiĝon *ó*, *kadó* (falu), *estó* (estu).

Per analogio la ceteraj tempoj kaj modoj havis finiĝojn *í, é, ú*.

La adjektivo havis finiĝon *a*, kiel oni vidas en vorto *uniwersala (lingwe uniwersala)*. Adjektiva finiĝo *a* povis esti anstataŭata per apostrofo. Ekzemple: *Totà homoze* (tot' homoze).

La finiĝo de adverboj estas duba, tamen ĉar la finiĝo de substantivoj estis *e*, la finiĝo de adjektivoj *a*, kaj la finiĝo de pronomoj *o*, oni povas supozi, ke la finiĝo de adverboj estis *i* aŭ *u*.

El numeraloj restis nur *un* en la kunmetita verbo *kon-un-ig-are*.

El afiksoj restis *mal* (esp. mal) en vorto *mal-amikete*, *kon* (esp. kun) en vorto *kon-unigare*. *Kon* povas esti versimile uzata kiel prepozicio *(kon malamike)*, simile prepozicio *in (in familje)* povas esti uzata kiel prefikso.

Laŭ tio ni povus konstrui kelkajn kunmetitajn vortojn:

*Kadare* (fali) *inkadare* (enfali)
*Estare* (esti) *konestare* (kunesti).

El sufiksoj restis:

*et* (nuna ec) *amik-et-e* (amik-ec-o)
*oz* (nuna ar) *hom-oz-e* (hom-ar-o)
*ig* (nuna ig) *un-ig-are* (unu-ig-i).

Internaciaj vortoj kun finiĝo *io* (nacio, familio) estis universaligitaj per finiĝo *je*. Ekz.: *Familje* (familio), *nacje* (nacio).

Sekvas malgranda provo en *Lingwe uniwersala*. (Vortoj en parentezoj estas dubaj): *Homes debá studare la lingwe uniwersala (se ono) volá perfektu (aŭ perfekti) konare la tota evolucje de lingwe Esperanto (kiu) está la una, kompleta lingwe, (kiu) konunigá las nacjes de la tota homoze in un familje.*

* * *

Ĉiu studaĵo pri historio de Esperanto devus nature komenci per desegnado de la personeco de ĝia aŭtoro, D-ro L. L. Zamenhof, per priskribado de detaloj el lia vivo, per rakontado de ĉio, kio estas aŭ ŝajnas esti necesa por konstruo de la bildo de l' vivo, kiu estis komence, kaj ankoraŭ estas, centro de nia tutmonda movado.

Mi tamen tion ĉi ne faras, unue tial, ĉar ni jam posedas historiajn verkojn, kie oni ĉion koncernantan trovas, due kaj ĉefe tial, ĉar ni posedas en ĉi tiu rilato klarigan dokumenton, devenantan el la plumo de la Majstro mem, lian mondkonatan leteron al N. Borovko, nomatan „Letero pri la deveno de Esperanto".

Ne estante kapabla aldoni ion pli detalan kaj pli novan al ĉi tiu grava dokumento, mi decidis anstataŭ la bildo de nia Majstro konstrui la bildon de la medio, en kiu li kaj

lia verko elkreskis, medio, sen kies influo nia movado estas preskaŭ neklarigebla.

„Mi naskiĝis en Bjelostoko (3/15 decembro 1859) gub. de Grodno (en Polujo)", skribas la Majstro en menciita letero. „Tiu ĉi loko de mia naskiĝo", li daŭrigas, „kaj de miaj infanaj jaroj donis la direkton al ĉiuj miaj estontaj celadoj. En Bjelostoko la loĝantaro konsistas el kvar diversaj elementoj: Rusoj, Poloj, Germanoj kaj Hebreoj. Ĉiu el tiuj ĉi elementoj parolas apartan lingvon kaj neamike rilatas la aliajn elementojn.

En tia urbo pli ol ie la impresema naturo sentas la multepezan malfeliĉon de diverslingveco kaj konvinkiĝas ĉe ĉiu paŝo, ke la diverseco de lingvoj estas la sola, aŭ almenaŭ la ĉefa kaŭzo, kiu disigas la homan familion kaj dividas ĝin en malamikajn partojn."

Kian gradon tiu ĉi diverseco kaj intergenta malamikeco en kelkaj jaroj poste atingis, tion per kortuŝantaj vortoj pentras la Majstro en sia Ĝeneva parolado en jaro 1906. „Naturaj filoj", li diras, „de sama lando ĵetas sin kiel kruelaj bestoj kontraŭ la tiel same naturaj filoj de tiu sama lando nur tial, ĉar ili apartenas al alia gento."

Kaj kelkajn liniojn poste: „En la stratoj de mia malfeliĉa urbo de naskiĝo sovaĝaj homoj kun hakiloj kaj feraj stangoj sin ĵetas kiel plej kruelaj bestoj kontraŭ trankvilaj loĝantoj, kies tuta kulpo konsistis nur en tio, ke ili parolis alian lingvon kaj havis alian gentan religion, ol tiuj ĉi sovaĝuloj."

Apartenante per sia deveno, religio kaj koro al du el plej malfeliĉaj gentoj en Rusujo, al gentoj hebrea kaj pola, li kun sia impresema animo multe pli ol aliaj devis senti la nenaturan kaj preskaŭ nehoman staton intergentan, li kun sia delikata edukiteco kaj instruiteco devis multe pli ol aliaj pripensadi pri ĉi tiu homa perverseco, ĉar per siaj propraj okuloj li vidis „kiel terure altaj kaj dikaj estas la interpopolaj muroj."

Ŝajnas, ke estas preskaŭ natura fenomeno, ke realiĝo de malnova jam ideo de lingvo internacia kun ĉiuj ĝiaj sekvoj devis okazi en tiel malfeliĉa medio, kia certe estas Polujo, kun siaj ambaŭ gentoj, Poloj kaj Hebreoj.

Ne estas certe bezone paroli en ĉi tiu loko pri la terura politika sorto de la pola gento, gento, kiu perdinte sian multecentjaran memstarecon kaj liberecon, tamen sukcesis krei admirindan kulturon kun sia nobla literaturo, pentrarto kaj vivo.

Malpli konata estas la dua gento, Hebreoj, kiuj plejparte parolas germanan dialekton (kun slavaj kaj hebreaj elementoj), kvankam ili ne estas germanoj, kiuj portas la gloran nomon „Hebreoj", kvankam ili, laŭ multaj sciencaj opinioj, ne estas posteuloj de la antikva gento palestina. „Rusaj kaj polaj Hebreoj" skribas ekzemple antropologo Krzywicki, „posedas ĉiujn signojn, kiuj atestas, ke en iliaj vejnoj cirkulas tute sama sango kiel en vejno de la enlanda loĝantaro; kaj se ni konsideras statistikon kraniometrian, tiam ni ekvidos, ke ĉi tiu gento posedas pli da polaj kaj rusaj signoj, ol da hebreaj."

La saman opinion esprimas ankaŭ Ikow, dirante, ke „rusaj Hebreoj devos esti fine forigotaj el la semida familio, kun kiu ili posedas nenion komunan."

Ĉi tiu, el diversaj eŭropaj elementoj versimile deveninta gento, estas vera pario en la vasta rusa imperio. Ne posedante regnanajn rajtojn, ofte eĉ ne rajtojn nur homajn, ĝi revas pri landoj kaj tempoj pli belaj, pri pasinteco kaj estonteco, ambaŭ en brilaj koloroj aperantaj, pri alveno de iu, kiu savos ilin el ĉi tiu nuna malinda stato, revas pri la sama savonto, kiun ankaŭ vokas kaj atendas la pola gento, kiu ideo preskaŭ plenigas la tutan polan arton, precipe poezion. Nenie en la mondo estas la kredo je alveno de Mesio tiel disvastigita, kiel inter ĉi tiuj du malfeliĉaj gentoj, Poloj kaj Hebreoj.

Granda malliberejo kun ĉiuj siaj terurajoj, sed ankaŭ kun ĉiuj siaj sonĝoj kaj esperoj estas ĉi tiu regiono, kie estas lokita la naskiĝurbo de nia Majstro.

Nenie en la nuna mondo troviĝas pli favora loko por la ĉie konata floro, kies nomo estas Espero.

Kie troviĝas doloro — kaj kie ĉi tiu ne estas? — tie ankaŭ neatendite elkreskas el homaj koroj ĝia sanga fratino: La Espero, sed ĉi tie, sur la malfeliĉaj kampoj de okcidenta Rusujo, ĝi posedas plej fajrajn kaj plej ĉarmajn kolorojn.

Nur en similaj regionoj naskiĝas tuta mondo de feliĉigontaj ideoj, kaj nur en tia loko povis ekvidi la lumon de nia malgaja mondo la enkorpiĝo de ideo, nia lingvo internacia, kun sia bela nomo deveninta de la Espero.

* * *

Tute vive mi rememoras jenan tempon, kiam mi legis ie en unu el niaj gazetoj, ke ie en Rusujo aperis ree nova lingvo internacia. Kiom miloj da homoj legis ĉi tiun kaj similan sciigojn! Simile al miloj (eble milionoj) da aliaj homoj mi tralegis ĉi tiun modestan, eble eĉ kun iom da ironio raportitan sciigon, kaj ree mi iris mian propran vojon tute ne zorgante, eĉ tute ne sciante, ke la tago, kiam aperis unua broŝuro pri Esperanto estas historia tago, efektive tago de unua rango.

Tamen ĉu ne estas la sama ĉe ĉiuj grandaj homaj kaj historiaj okazintaĵoj?

Ofte la lumo de la naskiĝanta ideo estas tiel brila kaj akra, ke homoj blindigitaj ĝin ne povas vidi, ofte male ĝi estas simpla malgranda kaj sensignifa, ke atestantoj, eĉ plej proksimaj ĝin tute ne rimarkas.

Al ĉi tiu dua kategorio apartenis ankaŭ la naskiĝo de nia lingvo, kaj simile al ĉiu granda homa okazintaĵo oni jam nun, nur post unu kvarono da centjaro, nescias precize kaj certe ĝian daton.

Efektiva ĥaoso estas la opinioj pri la naskiĝtago de nia lingvo, t. e. pri la tago, kiam estis eldonita la unua libreto, kies aŭtoro estis D-ro L. L. Zamenhof, kaj kiu ĝin eldonis sub la pseŭdonimo D-ro Esperanto.

La Majstro mem en sia jam menciita „Letero pri la deveno de Esperanto" skribas: „Fine post longaj klopodoj, mi prosperis mem eldoni mian unuan broŝuron en julio de la jaro 1887", kaj D-ro Mybs en sia artikolo pri „La familio Zamenhof" en *„La Bela Mondo"* precizigas la tagon skribante: „La 21an de julio aperis la unua Esperanta verketo".

Tamen jam en la jaro 1907 oni komencis dubi pri la menciita tago, kaj ekzemple en la gazeto *„Lumo"* sub la rubriko „Kio ajn" ni trovas, ke la redakcio faris ian enketon pri la dato de apero de la unua libreto de D-ro Zamenhof, kaj ĝi konstatis, ke krom la libro portanta la daton 21 julio 1887 ekzistas pli malnova kun surskribo sur la dua paĝo de l' kovrilo: Permesite de l' cenzuro, Varsovio, 21 majo 1887. La tago de la oficiala naskiĝo de Esperanto estas do ĝuste du monatojn pli frua, se ne estas en tio ĉi ia eraro, rimarkas la gazeto.

En simila senco, multajn jarojn post sia menciita letero pri deveno de Esperanto, skribas D-ro Zamenhof, „ke la elektita dato (21 julio) ne estas ĝusta kaj devos esti alia envenontaj jaroj".

Kiam poste plenumante la decidon de la Tria kongreso (1907) oni elektis komitaton por proponi daton por la tutmonda festotago, tiam la Majstro sciigis, ke laŭ lastaj esploroj faritaj de li mem, montriĝis, ke la dato, en kiu la unua libro pri Esperanto ricevis la cenzuran permeson, estis ne la 21a de julio, sed la 2a de junio (21a de majo

laŭ la rusa kalendaro). Adam Zakrzewski en sia artikolo „Historiaj detaloj", aperinta en *Universo* 1910 opinias, ke la dato de la aprobo de ĉi tiu libro estas 21ª de majo (t.e. 1ª de junio) kaj aldonas: „Mi citas datojn de cenzuro, ĉar precizan tagon de eliro el presejo estas jam neeble difini. La presejo Istomin en Varsovio ne ekzistas jam de dek jaroj." Nu, estu la dato tiu ĉi aŭ alia, certe benata estas la tago kiam

En la mondon venis nova sento

en la formo de simpla, malgranda broŝuro kun rusa titolo: D-ro Esperanto. Lingvo internacia. Antaŭparolo kaj plena lernolibro. La libreto aperis en Varsovio, kie tiam loĝis D-ro Zamenhof.

Mi ne estas tiel feliĉa posedi ĉi tiun historian kaj jam nun multekostan broŝureton; mi ĝin eĉ neniam vidis; tial ni aŭdu kion diras Marie Hankel en siaj „Sableroj" pri la germana eldono de la sama broŝureto, aperinta ankaŭ en jaro 1887:

„Mi posedas unu el la nun tre maloftaj germanaj ekzempleroj, kompreneble ankaŭ la titolo estas germana. La antaŭparolo estas la plej granda parto de la libro, ĝi enhavas 19 paĝojn. Ĝia traduko esperanta sin trovas en la „Fundamenta krestomatio", paĝ. 241. Sekvas nun 6 provoj de la nova lingvo: Patro nia, El la biblo, Letero (prozo) kaj Mia penso, En songô, Ho mia kor' (poezio). Nun pluajn 8 paĝojn de germana teksto pri la disvastigado de la estonta lingvo, kaj aro da aldonitaj blankkartoj kun la promeso lernvoli la lingvon. Fine ni trovas la ĉefaferon, paĝo 43 ni legas:

Plena lernolibro de la Internacia lingvo. La „plena lernolibro" estas nenio alia ol la 16 reguloj de nia fundamento! Nenia gramatiko, nenia sintakso. Sur malligita folio ni cetere trovas la vortaron, 900 vortojn. Tio estas ĉio! El tiu ĉi ĝermo la fiera arbo de nia lingvo elkreskis, ĝi do efektive ĉion enhavas, kio estas necesa por lingvo internacia."

Kortuŝantaj estas la vortoj de la aŭtoro, kiam li komencis pensi pri la publikigo de sia multejara laboro, kiam li, vane serĉante la eldoniston, renkontis la maldolĉan praktikon de la vivo. „Fine" skribis li en sia letero al N. Borovko, „post longaj klopodoj mi prosperis mem eldoni mian unuan broŝuron en julio de la jaro 1887. Mi estis tre ekscitita antaŭ tio ĉi; mi sentis, ke mi staras antaŭ Rubikono kaj ke de la tago, kiam aperos mia broŝuro, mi jam ne havos la eblon reiri; mi scias, kia sorto atendas kuraciston, kiu dependas de la publiko, se tiu ĉi publiko vidas en li fantaziulon, homon, kiu sin okupas je „flankaj aferoj"; mi sentis, ke mi metas sur la karton tutan estontan trankvilecon kaj ekzistadon mian kaj de mia familio, sed mi ne povis forlasi la ideon, kiu eniris mian kapon kaj sangon, kaj — mi transiris Rubikonon."

Ĉu estus eble per aliaj vortoj skizi la teruran animan emocion de l' elpensinto, ol per ĉi tiuj el plej profunda profundo de lia koro elirintaj ekkrioj kaj sopiroj?

Ĉion li metis sur la altaron de sia lin de plej infaneco persekutanta songô kaj ideo, li oferis tutan sian junecon, tempon, kiam aliaj ĝuas per ĉiuj siaj sentoj kaj nervoj la vivon kaj la printempon; nun li eĉ riskis sian tutan estontecon, ĉar de l' gloro kaj sukceso estas nur malgranda paŝo al ridindeco.

Ne, liaj antaŭsentoj ne estis superfluaj kaj senmotivaj. La vivo en ĉi tiu okazo tute ne estis avara; ne ekzistis doloro, kiun li sur posta vojo ne estus renkontinta, ne mankis eĉ la plej akra doloro — la perfido de plej bona kaj plej brava kunhelpanto kaj amiko.

D-ro STANISLAS SCHULHOF (Pardubice).

---

# LA DEKA KONGRESO

La Pariza Organizantaro fervore kaj vigle laboras por la pretigo de la venonta Kongreso, kiu anonciĝas sub bonaj aŭspicioj. Regulajn informojn pri ĉiuj kongresaferoj enhavos la *Kongresa Gazeto*, kiu komencos aperi dum januaro. Dume, S-ro R. C. Pichon, la konata laŭreato de la Oratora Konkurso en Bern, bonvolis sendi al ni kelkajn informojn pri la venonta Kongreso.

La Kongreso okazos en „Gaumont-Palace". La „Gaumont-Palace" (Palaco Gaumont) staras en Montmartre, ĉe *place Clichy*, unu el la plej facile alireblaj punktoj en Paris.

Ĝia ĉefa salonego entenas 6500 lokojn, laŭ unu parterego kun loĝioj kaj du etaĝoj. La scenejon okupos la estraro, la orĥestrejon — la gazetistoj.

Estos flankaj ĉambroj por la kongresaj oficistoj kaj la fakaj kunvenoj aŭ kongresetoj.

Ĉirkaŭ la salonego ringe disvolviĝas promenejo, kies pargedon — kiel en la tuta palaco — kovras mola tapiŝo Ĉe la muroj staras vestejoj. Estas bela salono kun floro. kaj mebloj laŭ stilo Louis XVI, bufedo, vendejo, ekspozicio.

Funkcios oficejo de la „Société générale" potenca banko, por financaj servoj, kaj la Akceptejo por ĉiuspecaj servoj.

La loĝado en Montmartre aŭ *Quartier Latin* ne kostos kare, nur Fr. 2 por unu nokto kaj Fr. 5 aŭ 5. 50 por unu nokto kaj la manĝoj (plej malaltaj prezoj).

La klopodoj por ricevi patronaron kaj monsubtenojn estis plej ofte sukcesaj. Aliparte la garantia kapitalo atingis ĉe la 25 novembro Fr. 46.300. Espereble estos, ke sur la francaj fervojoj la kongresanoj ricevos rabaton. Ĉe la landlimo ili trovos deĵorantajn Esperantistojn, kiuj helpos al ili por la dogano kaj liveros al ili ĉiajn informojn kaj eventuale la rabatilojn. En la Parizaj stacidomoj estos akceptejoj kaj same deĵorantoj.

Ĉar ni volas liveri nur certajn sciigojn, ni povas diri nur malmulton pri la programo. Unu tuta tago (merkredo plej verŝajne) estos speciale dediĉita al la fakaj kunvenoj. La morgaŭon oni difinis por la ekskurso al Versailles.

Okazos prezentadoj, oni povas esperi, de neeldonita teatraĵo de konata franca aŭtoro. Mi diras prezentadoj, ĉar oni ne ludos nur unu vesperon.

Ĉiutage okazos piedaj promenadoj laŭ gvidado de sperta Esperantisto. La tuta vidindaĵaro estos dividita en 5 aŭ 6 promenadoj, tiel ke ĉiu kongresano, plenuminte ilin ĉiujn, estos vidinta ĉion vidindan sen laciĝo, sen elspezo, kaj kun samideanoj.

Post la Kongreso oni povos ekskursi al la belaj Renesancaj kasteloj apud rivero Loire, per aranĝoj de la tiea Esperantista Federacio.

Nun jam mi ne havas ion por diri. Restas nur du aferoj, du konsiloj:

1ᵉ Ke vi rapide aliĝu, ĉar malfacile estas starigi buĝeton sur necerta fundamento;

2ᵉ Ke vi bonvolu klare skribi al ni (3, Place Jussieu) viajn dezirojn kaj proponojn, pere de la Kongresgazeto respondotajn. Ni ja faras ĉion eblan por forgesi neniun antaŭaranĝon, sed vi ne rajtos plendi, se ni ne liveros ion, kion vi ne petis!

RENÉ-CHARLES PICHON.

* * *

Al la supra artikolo ni deziras aldoni, ke la kvina Kongreso de UEA ankaŭ okazos en Paris samtempe kun la deka Kongreso de Esperanto. Dank' al speciala aranĝo kun la Loka Organiza Komitato, la posedantoj de la kongresa karto rajtos, sen plua pago, ĉeesti la kunsidojn de UEA kaj ricevi la Kongresan Dokumentaron de UEA. Nia Asocio povos do kongresi en same bonaj kondiĉoj kiel en Bern.

H. H.

## NIA ENKETO

# LA ESTONTECO DE ESPERANTO

Respondoj de S-roj ADAM (Zakrzevski), BEHRENDT, BOIRAC, CART, CHAVET, CHRISTALLER, FRÉCHAS, v. FRENCKELL, S-ino HANKEL, HODLER, KOTZIN, MANN, MUDIE, PRIVAT, ROLLET DE L'ISLE, ROSENSTOCK, ROUSSEAU, SÉBERT, SZABUNIEVICZ

*Kia estas la estonteco de Esperanto? Kien ni iras? Kiel ni plej bone povas sukcesi? — Tion al si ofte demandas, dum la ripozhoroj de la agado, niaj propagandistoj. Labori estas utile, sed kial labori, kiel labori, estas demandoj, kiuj ankaŭ meritas atenton. Ni opiniis, ke interesus niajn legantojn enketo pri la estonteco de nia movado. Por tio ni turnis nin al la plej konataj el niaj samideanoj — propagandistoj, verkistoj, direktantoj — kaj petis ilian opinion pri la estonteco de Esperanto. Por pliprecizigi la sencon de la enketo, ni aldonis al nia peto la jenan demandaron:*

*I. En kio laŭ via opinio konsistas tio, kion oni ĝenerale nomas la sukceso aŭ la triumfo de Esperanto?*

*II. Kia estas, laŭ vi, la plej bona vojo por sukcesigi Esperanton? (Individua propagando, praktika aplikado, apogo de la aŭtoritatoj, k. t. p.).*

*III. Kiamaniere vi konsideras la rilatojn inter Esperanto kaj la registaro?*

*IV. Kia estas via opinio pri la estonteco de la diversaj organizaĵoj de nia movado?*

*V. Kia estas, laŭ vi, la plej urĝa necesaĵo en nia movado? Kiaj estas la plej gravaj danĝeroj evitotaj?*

*VI. Ĉu vi opinias, ke Esperanto havas aŭ havos sentseblan influon je la internacia paco, aŭ ĉu ĝi estas nura ilo, kiu per si mem ne speciale influos ĝin?*

*Ni esprimas sinceran dankon al ĉiuj personoj, kiuj bonvolis respondi nian peton. La mallarĝaj limoj de nia gazeto ne permesis al ni doni al tiu enketo la dezirindan amplekson. Oni do bonvolos nin senkulpigi, se oni konstatas la mankon de multaj konataj nomoj. Cetere, kelkaj personoj, al kiuj ni turnis nin, ne respondis.*

*Tamen, la reprezentitaj opinioj estas sufiĉe diversaj kaj donas klaran bildon pri la ĉefaj ideoj kaj tendencoj en nia movado.*[1] *ESPERANTO.*

---

La Redakcio de ESPERANTO komisiis al mi la taskon ordigi la ricevitajn respondojn kaj prezenti la respondintojn. Mia tasko estis facila, ĉar preskaŭ ĉiuj respondoj sin limigas je la demandoj de la enketo. Mi do citis nur la numerojn, kiuj korespondas al la diversaj supre presitaj demandoj. La nomojn mi citis laŭ alfabeta vico... krom la unua. — *Ero.*

---

D-ro ZAMENHOF, bedaŭrinde, fidela al la silentado, kiun li trudis al si, ne povis respondi al nia enketo. Jen kion li skribas:

Kun plezuro mi donus al vi respondojn al via enketo; sed pro kelkaj kaŭzoj (kiujn mi montris en mia artikolo en „Pola Esperantisto" antaŭ la Krakova Kongreso), mi estas devigata deteni min de ĉiu publika esprimado de miaj opinioj. — *D-ro L. L. Zamenhof.*

[1] Ĉar en sia respondo kelkaj personoj parolis pri enketo de UEA, ni atentigas, ke tiu ĉi enketo tute ne estas oficiale aranĝata de UEA, sed nur de la gazeto ESPERANTO. (Red.)

S-ro ADAM ZAKRZEVSKI (Varsovio), unu el la plej malnova Esperantistoj — de 1888 — estas la ŝatata verkisto de la freŝe aperinta tre kompleta *Historio de Esperanto.*

La nuna stato de nia movado ŝajnas al multaj Esperantistoj nebona, ĉar la nombro da Esperantistoj ne kreskas rapide. Sed tio ne devas maltrankviligi nin, ĉar la kaŭzo estas klara. La Bulonja kaj la unuaj kongresoj entuziasmigis nin: ni ekkredis, ke la demando estos solvita en du ĝis tri jaroj. La kongresanoj disportis en diversajn landojn impresojn, kiuj ĉie vekis intereson al Esperanto. Ĉie alvenis ondoj de novaj adeptoj. Sed, kompreneble, ne ĉiuj alportis veran, profundan konvinkon, kaj baldaŭ okazis tio, kio ĉiam okazas: multaj, allogitaj komence al nia afero, iom post iom forlasis nin pro aliaj okupoj, pro dubo, pro indiferenteco: nia nombro malgrandiĝis. Restis nur ĉiuj laboremaj, ĉiuj pli fervoraj, pli konvinkitaj, kaj ilia nombro sufiĉas por efika, trankvila laboro. Esperanto travivis jam dum sia 25-jara vivo momentojn multe pli danĝerajn. Ĝi provis sufiĉe sian vivpovon, ĝi ne povas jam disbloviĝi en spaco sen postsignoj, kiel Volapük, Ido, k. c.

Por atingi nian celon ni devas labori en du direktojn — praktika kaj teoria: *praktike* — peni enkonduki kaj enradikigi nian Esperanton en ĉiujn internaciajn rilatojn: sciencajn, komercajn k. c., en ĉiujn jam ekzistantajn internaciajn instituciojn, kiel poŝtoj, kongresoj, societoj; *teorie* — zorgi pri regula, konforma al Fundamento riĉigado de nia lingvo.

Pri la *unua* problemo *laboras* efike *UEA.* Ĝia celo estas klara, ĝia vojo estas bone difinita, ĝi pligrandigas ĉiujare nombron de siaj membroj, de siaj servoj.

Pri la *dua* problemo *ne laboras* la *L. K.* Ĝi liberigis sin de ĉiu agado por la disvolvigado de nia lingvo per du magiaj vortoj: *libera evoluo.* Certe la lingvoj naciaj evoluas tiamaniere, sed ili disvolviĝas en naciaj mezoj, sub influo de nacianoj, komprenantaj aŭ sentantaj la spiriton de sia lingvo: ilia evoluo estas do konforma al tiu ĉi spirito. Sed, ĉu *libera evoluo* taŭgas por lingvo internacia, kiu evoluas samtempe en diversnaciaj mezoj? Se Francoj komencus *libere evoluigi* rusan lingvon, ĝi certe fariĝos baldaŭ nekomprenebla por Rusoj! Simile, Esperanton *evoluigas* Francoj, Rusoj, Peruanoj... ĉiu iom laŭ sia nacia gusto. Ni jam povas tre ofte diveni la naciecon de aŭtoroj, skribantaj esperante. Por eviti danĝeron de dialektigo en Esperanto estas do necesa zorga, konstanta, atenta kontrolado, farita de kompetenta institucio. Ĝi devas klarigi dubajn lingvajn demandojn kaj gvidi skribantojn ne nur per neprecizaj konsiloj aŭ deziroj, sed per klare starigitaj, devigaj reguloj. Mi kore dezirus, ke ĉiu gramatiko, vortaro aŭ lernolibro, ne kontrolita kaj ne aprobita oficiale, estu rigardata kiel senvalora, eĉ erariganta...

Oni jam proponis tiun ĉi taskon al la L. K. (D-ro Schramm, Marie Hankel), sed ĝi rifuzis, kvazaŭ timante tiun ĉi gravan rolon... Kvankam mi konsideras, ke ni havas jam tro multe

da diversaj oficialaj aŭ duon-oficialaj institucioj, tamen, se la L. K. estas jam malfacile reformebla, speciala komisio por tiu ĉi grava tasko ŝajnas al mi nepre urĝe necesa. — *Z. Adam.*

S-ro A. BEHRENDT (Breslau), prezidanto de la Internacia Ligo de Esperantistaj Poŝtoficistoj, sin precipe okupas pri la propagando de Esperanto ĉe la poŝtistoj. Li estas la aŭtoro de ŝatitaj raportoj ĉe la du lastaj kongresoj de UEA.

Kvankam nenio rajtigas nin, jam nun paroli pri „triumfo“ de Esperanto, ni tamen havas sufiĉan kaŭzon akcenti „sukceson“. La sukceson mi vidas en tio, ke Esperanto efektive forigas lingvajn barojn post malmulta klopodo, tio estas lernado. Ke Esperanto efektive kapablas, ĉiurilate plenumi la taskon de „internacia helplingvo“ — tio estas la „sukceso“. Al pligrandigo de la sukceso helpos nur la praktika uzo. Montri la utilon de Esperanto, pruvi ĝian taŭgecon per faktoj, ne per teorioj — jen la plej bonaj agoj por propagandi. Instigi al provo — jen la plej bona ago por venki skeptikon: ĉar lerte aranĝita provo sukcesos. Ĉu la propagandado estu individua ĉu ĝenerala, ĉiam dependas de cirkonstancoj. La propagando ataku rondojn, en kiuj oni trovos homojn intereseblajn por nia afero. Ŝajnas al mi malŝparo de forto kaj tempo, propagandi inter personoj, kiuj interesiĝas nur por la ĉiutagaj manĝo, trinko kaj dormo. Ne por ĉiu taŭgas flugaparato! Sed la propagando ne haltu antaŭ registaroj! Stranga estas la diro: Ni ne bezonas la helpon de registaroj! Se ni vere volas atingi la lastan celon, ni zorgu, ke la celo de la Esperantistaro fariĝu la celo de ĉiu influhava aro. Nur homo, kiu daŭre revas, povas voli, ke ni malatentu la faktorojn, kiuj ludas unu el la plej gravaj roloj en la mondo. Ankaŭ al la registaroj ni pruvu la praktikecon de Esperanto. Kaj jen, kie sidas unu el la gravaj taskoj de niaj Esperanto-organizaĵoj! Sed ili estu singardaj. Ili ne transpaŝu la limojn kaj ne enmiksu sin en aferojn, kiuj povas havigi al la Esperanto-movado kontraŭulojn. Nia anaro ankoraŭ ne estas tiel granda, ke ni povas „regi“. Neniu dubo ekzistas, ke UEA estas bonega praktika organizaĵo Esperantia; ĝi restu asocio, kiu por praktikaj celoj uzas Esperanton; ĝi ne fariĝu „edukema“ (UEA kaj ŝovinismo!). Per daŭrigata praktikado ĝi kreskos, per forlaso de ĉi tiu agado ĝi detruos la fidon, ĝi malkreskos kaj malutilos al la tuta movado. Federacio de la naciaj propagandaj asocioj havas precipe reprezentan karakteron; ĝi estos des pli grava, ju pli granda estas la anaro. Ĝi devos imponi per la amaso. Mi ne dubas, ke ĝi povos efiki speciale sur la registarojn, sed prefere pere de la naciaj asocioj. Plifortiĝo de la lastnomitaj — jen la nuntempa neceseco, sekve daŭrigo de energia propaganda laboro. Sian unuan epokon Esperanto travivis kaj eniris la duan; la unua estis precipe teorie propaganda, la dua estu praktike propaganda. En ĉi tiu praktika propagandado sidas la — laŭ mia opinio — plej granda danĝero nepre evitota, nome la „trograndigemo“. Ni ne trompu nin mem kaj aliajn, konscie-nekonscie, pri niaj fortoj. Ni ja estas certe multe pli fortaj, ol opinias niaj kontraŭuloj; sed ni ankoraŭ ne atingis la fortecon, kiun ni deziras. Per „trograndigo“ ni malbonfamigas nin mem kaj malutilas nian aferon; ni eĉ ridindigas ĝin. Ridindigo estas tre forta pereigilo! — Sed — mi kredas, ke la Esperanto-movado jam atingis gradon de disvasteco, ke nur la konstanta progreso povus esti malakcelata; ke la movado iam tute malaperos, ŝajnas al mi neeble. Tion garantias la sukcesplena apliko de Esperanto en diversaj fakoj de scienco kaj sociala vivo. En la nunaj fakaj unuiĝoj, ligoj k. c. sidas la ĝermo por plirapida konatiĝo de Esperanto ol ĝi okazis ĝis nun. En la fakaj kunsidoj okaze de niaj kongresoj mi trovas la plej gravan faktoron, kiu evidente pruvas la taŭgecon de nia lingvo kaj ĝian veran utilon. — Mi ne timas, ke Esperanto estos iam venkata de alia sistemo de internacia helplingvo. („Ido“n mi ne opinias alia sistemo, sed „kunesceptigita“ Esperanto kun pli ampleksa vortaro kaj tre malsupera al nia lingvo.) Esperanto vivas kaj vivos por la beno al ĉiuj, kiuj ĝin uzas. — Ofte oni starigas la demandon, ĉu Esperanto influos la internacian pacon. Mi opinias, ke la demando estas malĝusta; oni anstataŭigu la vorton „Esperanto“ per la vorto Esperantismo! Ke Esperantismo povas influi la internacian pacon, ja ne estas pridubebla; sekve oni klopodu krei ne nur Esperantanojn sed Esperantismanojn!

Trankvile kaj konstante ni semu kaj semu: la estanteco de Esperanto promesas ĝojigan estontecon; ni do esperu kaj laboru! — *A. Behrendt.*

S-ro P-ro E. BOIRAC, prezidanto de la Akademio kaj de la Lingva Komitato, senkulpigis sin, ke pro troa okupo dum tiu ĉi tempo de la jaro li ne havas la tempon respondi nian enketon. „Mi nur diros — li aldonas —, ke la plej certa signo de la venko de Esperanto estos ĝia enkonduko en la programojn de la publikaj lernejoj en la ĉefaj landoj de la civilizata mondo.“

S-ro P-ro TH. CART (Paris) certe estas tiel konata, ke multaj legantoj opinios ĉiun prezentadon superflua. Esperantisto de pli ol dekkvin jaroj, verkinto de sukcesaj lernolibroj, fervora propagandisto kaj talenta paroladisto, li ludis ĉefrolon en la disvolviĝo de nia movado speciale en Francujo. Vicprezidanto de la S. f. p. E. (1905 ĝis 1909), poste prezidanto (1909—1911), denove vicprezidanto, de post 1911, li estas ankaŭ Akademiano kaj ĉefredaktoro de *Lingvo Internacia,* en kiu li per tre rimarkitaj artikoloj vigle kaj obstine defendis la purecon de nia lingvo, kaj la ideon de „libera evoluo“. La legantoj de *Esperanto* cetere konas lin dank'al liaj ĉiunumeraj Biletoj de blankbarbulo.

I. En tio, ke ĝi fariĝis jam por sufiĉe multaj homoj *neanstataŭebla* internacia komunikilo, sekve por ili: *necesaĵo.*

II./III. Tio ĉi dependas de la tempaj kaj lokaj cirkonstancoj. La plej bona individua propagando estus senfrukta sen elmontro de praktika aplikado. La apogo de la registaroj estas kondiĉo de nia sukceso en diversaj landoj, sed ne ĉie; tamen ĉie ĝi multe helpos kaj pliplenumigos nian sukceson per la oficiala enkonduko en la lernejojn. Ĉiuokaze tie, kie la registaroj ne estas favoraj, preferinde estas, ke ili nin simple ignoru. Ni zorge evitu ĉiun konflikton.

IV. Internacia *oficiala* Akademio aŭ Komitato ian tagon anstataŭos nian nunan Akademion. Ĝia nasko estos konservi la internacian unuecon. — Nur privataj estos la ceteraj organizaĵoj, sed pro tio ne malpli potencaj; inter ili UEA verŝajne ludos plej gravan rolon.

V. La plej urĝa necesaĵo: konservi la internacian unuecon en la lingvo; la plej grava danĝero: ĝin perdi.

VI. Influon pri la paco havos Esperanto simple pro tio, ke ĝi plimultigas la internaciajn rilatojn, kiel jam faras la fervojo, la telegrafo, la telefono, la ĉiam pli kaj pli granda internaciigado de la financaj kaj ekonomiaj kondiĉoj. Pli laboras por la paco eĉ militema viro, kiu bone skribas aŭ parolas nian lingvon ol tiu, kiu senĉese predikas la pacon en fuŝlingvo, *kiu baldaŭ ne plu estus internacia.* Eĉ el pacifista vidpunkto la plej utila servanto de la ideo estas tiu, kiu (eĉ neniam parolante pri paco, je kiu li eble ne kredas), simple propagandas nian lingvon, kiel lingvon, kaj per ĉiuj siaj fortoj penas por konservi ĝian severan purecon, solan garantion de ĝia daŭra internacieco. — *Th. Cart.*

S-ro GABRIEL CHAVET (Paris) estas konata de ĉiuj, kiuj iam vizitis Universalan Kongreson de Esperanto. Kvankam juna, S-ro Chavet estas unu el la plej malnovaj Esperantistoj en Francujo (de 1896, se mi ne eraras). Unua sekretario de la Pariza Grupo, S-ro C.

en 1905 fariĝis sekretario ĉe la Centra Oficejo Esperantista — kie li ankoraŭ estas —, ĝenerala sekretario de la K. K. K. kaj de la Administra Komitato, ano de la L. K., k. t. p. Precipe konata li estas kiel sekretario de niaj Kongresoj, kie lia klara parolado — en ofte ne klaraj diskutoj — kaj laboremo estas ŝatataj. S-ro C. estas ankoraŭ fervora pacifisto kaj de 1912 fariĝis sekretario de la Internacia Instituto por la Paco.

I. Oni povos diri, ke Esperanto estos triumfinta aŭ sukcesinta, kiam nia lingvo estos ĝenerale uzata en la internaciaj kongresoj kaj kunvenoj, kiam oni publikigos en Esperanto (ĉu originale, ĉu traduke) la verkojn de ĝenerala intereso, unuvorte, kiam oni uzos ĝin en la internaciaj agadkampoj.

II. Konsekvence, la plej bona vojo por sukcesigi Esperanton estas propagandi ĝin en la internaciaj rondoj (internaciaj kongresoj, internaciaj asocioj, k. t. p.). La individua propagando ne donas ĉiam bonajn rezultatojn, ĉar multaj personoj ne estas propagandistoj; la praktika aplikado povas okazi nur post propagando. La apogo de la aŭtoritatoj estas ĉiam tre grava, ĉar multaj estas la personoj, kiuj estas influataj de tio. Sed, mi opinias, ke, flanke de la propagando en la ĝenerala publiko, oni devas pli kaj pli propagandi en la specialaj rondoj, profesiaj, korporaciaj, sciencaj, turistaj, k. t. p.

III. Oni devas, pro supre montrita motivo, peti la apogon de la registaraj institucioj. Mi spertis, ke, en multaj okazoj, la aprobo aŭ malaprobo de aŭtoritatuloj ludas gravegan kaj eĉ decidigan rolon en nia propagando.

IV. Ju pli nia lingvo progresos, des pli fortaj devos esti niaj organizajoj, kiuj konservas kaj propagandas ĝin. Ĉiu lingvo, kiu ne estas subtenata de politika organismo, povas konserviĝi kaj disvolviĝi nur per tiaj institucioj. Ĉu iam la registaroj povos anstataŭi tiujn instituciojn kaj preni sur sin la zorgadon pri la normala evolucio de nia lingvo? Mi ne scias, kaj malfacile estas profeti pri tio.

V. Plej urĝa necesaĵo estas organizo de bonvola kunlaboro inter ĉiuj esperantistaj institucioj, lingvaj, propagandaj, aplikaj. Mi ĉiam pensis kaj pensos, ke organizo de nia laborado (kaj ankaŭ organizo de nia lingvo) estas necesega por certigi la progreson kaj eviti la malbonajn batojn. Plej grava danĝero estas anarkio, en nia lingvo kaj en nia laborado.

VI. Esperanto estas nur ilo, uzota por bonaj kaj malbonaj aferoj, sed tamen, tial ke ĝi interrilatigas homojn, super la nacioj, ĝi certe efikos por la paco, kaj Zamenhof estas unu el la homoj, kiuj plej multe faris por tiu universala paco. — *G. Chavet.*

S-ro P-ro CHRISTALLER (Stuttgart), membro de la Esperantista Akademio, vicprezidanto de Germana Esperanto-Asocio, aŭtoro de tre kompletaj Esperantaj vortaroj por germanoj, estas de naŭ jaroj nelacigebla propagandisto de nia afero tra Germanujo:

I. La sukceso aŭ triumfo de Esperanto estas por mi la enkonduko de la instruado de tiu lingvo en la lernejojn kiel deviga fako kaj kiel unua fremdlingvo. Mi dezirus, ke aliaj lingvoj fremdaj fariĝu tiam libervolaj fakoj, ĉar, por intelekta klerigo, Esperanto, laŭ mia opinio, plene anstataŭas la valoron de l'studo de fremdlingvoj; laŭ praktika vidpunkto ĝi eĉ multe superas tiun. Kiam tiu celo estos atingita, tiam mi kun plezuro aranĝos la eksiĝon de mia Esperanto-grupo.

Alia estas la afero pri la celo de Esperantismo: ĝi estos atingata nur kiam oni inter popoloj atingis almenaŭ la samajn interrilatojn, kiaj ekzistas inter sampopolanoj, t. e. kiam estos forigata la nuna anarkia stato inter la popoloj.

II. Por ambaŭ celoj la Zamenhofa devizo montras por mi la plej certan vojon: Ni laboru kaj esperu! Ti-kiu vere ion esperas, tiu ankaŭ laboras por ĝi, kaj kiu laboras por io, tiu ankaŭ esperas, ke la laboro havos sian valoron kaj efikon. Do, ĉiuspeca propagando, aplikado kaj instigo al aliaj, individuoj aŭ registaroj, estas necesaj, laŭ la cirkonstancoj, se ili prezentiĝas. Certe oni ne altrudu sian opinion al tiuj aliaj, sed oni ne preterlasu oportunan okazon memorigi la gravecon de helplingvo. Sed oni nepre evitu trograndigojn kaj vekon de esperoj, pri kiuj oni scias, ke ili ne estos baldaŭ efektivigeblaj.

III. UEA ŝajnas al mi la plej utila institucio por Esperanto; ĝin konigi kaj uzigi estas necese, kaj mi tre ŝatas, ke ĉiu internaca faksocieto unue, almenaŭ ĝis ĝi estas nedubeble forta por memstareco, sin apogu al tiu asocio.

Tamen mi tre ŝatas, ke apud UEA estu iaspeca kunigo de la naciaj asocioj, por eventualaj intertraktoj kun registaroj k. t. p.

Pri Lingva Komitato kaj Akademio mi tre deziras, ke ili fervore laboru, sed ne laŭ kritika kaj ŝanĝema vidpunkto, sed per starigo de teknikaj kaj sciencaj vortaroj. Tamen mi ne riproĉas ilin, ke ili ĝis nun ne atingis pli multe ol la ĝis nun efektivigitan, mi nur bedaŭras, ke en tiuj institucioj ne troviĝas multaj laboremaj rentuloj, kiuj povus dediĉi multan tempon al tia prilingva laboro. Kiam ĉiuj kritikemuloj de la diritaj prilingvaj institucioj faros sian devon en sia propra Esperanto-teritorio, tiam tio estos por mi ioma konsolo pri tio, ke mankas al ni multaj rentuloj.

IV. Mi ne vidas por nia movado ian aparte urĝan necesaĵon krom ĉiama sindonema laborado. Precipe oni evitu fondi ion novan; la fondado estas ĝenerale tre facila afero, sed la daŭrigo estas dekoble pli malfacila. Oni uzu siajn forton kaj tempon por subteno de la jam ekzistanta.

V. Mi forte kredas, ke Esperanto havas influon al la internacia paco, kaj mi tre ŝatas, ke UEA akcentis, ke ŝovinistoj restu for de nia asocio. Mi apenaŭ ne povas kompreni, ke ŝovinistoj povas esti Esperantistoj, tamen mi ja scias, ke tiaj ekzistas. Eble ili montras sian ŝovinismon nur pro negocaj kaŭzoj, kaj la ŝovinismo ne estas natura al ili.

Pri la evoluo de la lingvo mi kredas, ke ĝi iom post iom pli malfaciliĝos, almenaŭ laŭ vortara vidpunkto, sed mi kredas, ke tio ne estas evitebla, kaj mi juĝas, ke malgraŭ tio la gajno por la estontaj generacioj estos eminenta, ĉar oni bezonos internacie nur unu lingvon, kaj tiu estos ĉiam pli simpla ol iu ajn el la naciaj lingvoj, ĉar la reguleco de la gramatiko, la vortfarado k. t. p. ne ŝanĝiĝos esence; tiom malpli ol ja ankaŭ la naturaj lingvoj celas simpliĝon, ne nur laŭ skribo, sed ankaŭ laŭ ilia konstruo. Mi esperas, ke Esperanto helpos tiun evoluon kaj akcelos ĝin. Ĉio cetera kuniĝu en la vorto: Vivu Esperanto. — *P. Christaller.*

S-ro A. FRÉCHAS, (Paris), redaktoro de *Le Monde Espérantiste,* estas diverse ŝatata en Francujo. Polemikema, batalema, pesimista, li havis kaj havas malamikojn (kiu ne havas?). Individualisto laŭ temperamento kaj demokrato laŭ opinio, li vigle kontraŭbatalas ĉion, kio ŝajnas al li favori regemon. Senkompata li estas por ĉia „eminentuleco". Kian ajn opinion oni havas pri la utileco de lia agado, oni ne povas nei lian polemiktalenton. Vi bedaŭras, ke oni polemikas en Esperantujo? Tio almenaŭ pruvas, ke ni vivas...

„... Miajn pripensojn oni certe ne ŝatos. Por kio do ilin diri? Mi estas la homo, de kiu oni forkuras kiel de la pesto, ĉar mi diras la veron! Mi ĝenas la trankvilecon de multaj kaj la kvietan dormadon de la festemuloj de niaj francaj provincoj. Ĉar vi petas mian opinion, jen ĝi:

La Esperantista movado hodiaŭ, laŭ mi, tute sendirektiĝis. Ĝi devojiĝas, ne plu havante planon, kvankam tiel nomataj eminentuloj pasigas sian tempon, farante regularojn

al kiuj neniu submetiĝas. Ĝis 1905 nia agado normale disvolviĝis, sed venis homo, kiu, sin intermetante ĉie, pretendis trudi sian personan vidpunkton al malsamaj temperamentoj, karakteroj, spiritoj, opinioj, religioj, inteligentoj, moroj. Tio estis absurda! La pasioj alkondukis la konfuzon en la direktado kaj la malordon en la agado. Poste, venis apatio. La situacio estas nun tia, ke la vera Esperantisto ne plu scias al kiu sin turni. Mi nuntempe petas, ke li sin turnu al UEA.

La *interna ideo* ne plu ekzistas. Oni kunvenas nur por amuziĝi, ne por diskuti pri propagando de Esperanto. Rezultato: la S. f. p. E. en Francujo ekzistas nur sur la papero. La Esperantistoj ne plu legas, nia movado ilin ne plu interesas. La S. f. p. E. havas 8000 membrojn, la abonantaro de ĝia oficiala organo ne atingas la kvaronon de tiu cifero. En Germanujo la nacia societo anoncas 4000 membrojn; ĝia organo havas nur 1700 abonantojn. Jen nia movado!

D-ro Zamenhof komprenis tiun situacion. Forlasante la direktadon de nia movado, li esprimis en sia lasta parolado la timojn, kiuj pezis sur lia konscienco: „Ne forgesu, li diris, ke Esperanto estas ne sole nur simpla lingvo, kiun ĉiu el ni uzas nur por siaj propraj bezonoj, sed ke ĝi estas *grava socia problemo*, ke por atingi nian celon, ni devas *konstante propagandi* nian aferon kaj zorgi pri tio, ke la mondo havu estimon kaj konfidon por ĝi."

Jes, Esperanto estas grava socia problemo, sed malmultaj el niaj direktantoj sin okupas je tio. Kelkaj tion neniam sentis, aliaj ĝin ne komprenis. Ĉiuj, cetere, malinteresiĝas je tiu ekzameno, kiun pro manko de pripenso ili konsideras kiel enmiksiĝo en politikon.

Konsiderante Esperanton el tiu vidpunkto, kaj respondante al via demandaro, mi diras, ke:

I. Ni ne devus paroli pri *la* triumfo de Esperanto nuntempe, sed pri ĝiaj konstantaj sukcesoj ĝis ĝia plena disvastiĝo. Niaj pranevoj povos eble paroli pri la triumfo de Esperanto, se nenia rivala lingvo ĝin venkas; *ni* silentu kaj laboru.

II. La plej bona labormaniero por Esperanto estas la individua propagando. La paroladoj kaj vojaĝoj de paroladistoj fremdlande estas ankaŭ bonaj manieroj por atingi sukcesojn. La procedo de la festoj estas tre malbona; ĝi forprenas de la junuloj la studemon, kiun ĝi anstataŭas per la festemo. Ni neniam devus serĉi la apogon de la aŭtoritatoj. Esperanto devas resti neŭtrala. Por ni ili povas nenion. Ne ili faras la leĝojn. Ili reprezentas politikan partion, t. e. frakcion de la popolo. Ni propagandu Esperanton en ĉiuj medioj.

III. Per sia *internacia* karaktero Esperanto estas la plej granda malamiko de la reĝoj kaj iliaj partianoj. Neniam la registaroj de la grandaj regnoj akceptos tian ilon de internacia interkonsento. Frenezaj ili ja estus!

IV. Ĉiuj niaj organizaĵoj malaperos unu post la alia kaj baldaŭ. Kiam UEA fariĝos monda potenco, la ŝtatoj baros al ĝi la vojon. Tiurilate la raporto Rousseau (UEA kaj ŝovinismo) estas grava eraro.

V. La danĝerojn oni evitos observante la kritikojn de la paragrafoj II kaj III.

VI. Ne, Esperanto havos nenian influon je la monda paco dum regos kapitalismo. Tamen, Esperanto disvastiĝante povas ĝeni; tial la posedantaj klasoj neniam helpos nin. (Bedaŭrinde inter ili ni elektas niajn leĝofarantojn.) — *A. Fréchas.*

---

S-ro K. von FRENCKELL (Dresden) estas la ĉefa organizinto de la Germana Esperanto-Asocio, kies negoca direktoro li nun estas. Ŝatata li estas pro sia organiza talento kaj serioza laborado, dank' al kiu nia movado grandparte ŝuldas, ke ĝi en Germanujo estas tiel forte organizita.

Laŭ via peto mi ĉi kune sendas la respondon al via enketo:

I. La sukceso de Esperanto rezultas el la faktoj:

*a)* Ke ni nuntempe prizorgas ĉiujn rimedojn por faciligita kaj rapidigita trafiko (ŝipe kaj fervoje);

*b)* ke ĉiu progreso de internacia valoro estu internacie apogata (poŝto, telegrafo, sociaj kaj bonfaraj esploroj);

*c)* ke ĉiu scienca esploro aŭ kono estu disvastigata (sciencaj kongresoj kaj gazetaro);

*d)* ke la homaj korpo kaj spirito estu flegataj (internaciaj sportaj konkursoj, banlokoj).

Kvankam la homaro pro la efektivigo de la supraj punktoj buŝe kaj skribe en miloj da okazoj interrilatas, oni ne sufiĉe prizorgis la internacian komprenon. El tio rezultas, ke internacia lingvo estas bezono de tago al tago pli necesa. Tiu ĉi lingvo do efektiviĝos spite de ĉiuj malkomprenoj kaj malgraŭ la eraroj de la adeptoj de la ideo. La tiel nomata sukceso de Esperanto do estas tute natura simptomo, kaj same natura estas la fakto, ke ĝi allogas multajn homojn kapablajn kaj nekapablajn.

II. La plej bona vojo por sukcesigi Esperanton estas samtempaj individua propagando, praktika aplikado kaj apogo de la aŭtoritatoj. Neniu el tiuj ĉi tri vojoj sola propagandata povas konduki al daŭra sukceso, ĉar ili devenas unu de la alia. Oni do nur elektu la ĝustan sinsekvadon.

III. La rilatoj inter Esperanto kaj la registaro devas esti bazitaj sur absoluta sincereco. Ĉiuj ĝustaj notoj aŭ statistikoj utilas al la movado, en la sama maniero, kiel ĉiuj malĝustaj ĝin malhelpas. Plie la interrilatoj devas esti paralelaj al la deziroj de la registaro. Ni do neniel kontraŭagu la celojn de la registaro, se ni volas la apogon de ĝi. Sana nacia sento estas necesa. Intermikso de nia movado kun faktoj, kiuj ne tuŝas la registaron, aŭ kiuj kontraŭstaras la senton de la nacio, nin malutilas.

IV. La estonteco de la diversaj organizaĵoj de nia movado dependas de la sincereco de la anoj kaj ĉefe de la kapableco de la elektitaj gvidantoj de la koncerna organizaĵo. Neniu maŝino sen bona maŝinisto (elektita oficistaro) povas funkcii; kaj al ĉiu maŝino necesas bona materialo (anoj). Ĉiu maŝino bezonas iun energion elektran aŭ vaporan (kotizoj), por povi fordoni alian, ekz. movon. El tio rezultas, ke niaj organizaĵoj bezonas anojn, kotizojn, kapablajn gvidantojn. Se unu el tiuj ĉi kondiĉoj mankas, la maŝino ne povas funkcii. Ĉiu maŝino plenumu specialan taskon, por daŭre bone funkcii. La laborigo de iu organizaĵo sur kampo, por kiu ĝi ne estas destinita, estas grava eraro. UEA havas siajn celojn; oni ne enkonduku ĝin al politikaj, naciaj aŭ pure propagandaj taskoj. La naciaj asocioj havas la proprajn taskojn. La L. K.-anoj prizorgu la purecon de la lingvo; sed oni forelektu grandan nombron el ili kaj estonte por tiel grava organizaĵo konservu nur limigitan nombron de membroj (50 por 3 jaroj elektitaj kaj reelekteblaj). La organizaĵoj por la kongresoj estu nove starigotaj, por ke la eraroj de antaŭaj kongresoj estu evitotaj, kaj por ke la sukcesoj same estu daŭrigotaj. Por tion plenumi dum la kongresoj kaj inter la kongresoj kaj por ke en specialaj okazoj internacia propagando estu farota, oni fine organizu la kapablajn Esperantistojn per rajtigitaj delegitoj kaj per naciaj reprezentantoj.

V. La plej urĝa necesaĵo de nia movado estas nia organizado.

La plej granda danĝero estas la ĥaoso.

Ĝis kiam nia movado ankoraŭ ne estas sufiĉe disvastigita nek serioze kontraŭbatalata, la organizado ne estis

nepre necesa. Sed nuntempe ĉiu forto estu utiligata kaj konservata, ĉar nia movado estas konata, kaj precipe ĉar oni ne nur kontraŭbatalas nin, sed ankaŭ aliaj sistemoj komencis konkurenci kun ni.

VI. Ĉiu forta movado havas influon. Ankaŭ nia movado laŭ la sukceso influas aliajn; sed, ĉar nia movado devas kaj povas kunigi ĉiujn rasojn, ĉiujn religiojn kaj entute ĉiujn homojn de la tero, ĝi ankaŭ povus allogi personojn de plej diversaj opinioj. Ni neniel intermiksu nian movadon kun iu alia. Ĝi iru sian propran vojon, kaj la adeptoj en ĝi flanke laboru por specialaj celoj, kiel ni — kvankam Esperantistoj — apogas nian gepatran lingvon, kia ajn ĝi estu.
— *K. von Frenckell.*

S-ino M. HANKEL (Dresden) estas precipe ŝatata kiel verkistino. Ĉe la Barcelona Kongreso ŝi estis kronita reĝino de la Floraj Ludoj. De tiam ŝi restis „nia reĝino". Senkulpa monarkiemo! S-ino H. sin fervore okupas je la Esperantista Literatura Asocio, kies sekretariino ŝi estas. Tre pacemajn kaj konkordemajn ideojn ŝi havas. (Ĉu povus esti alie?)

I. La triumfo de Esperanto konsistas en:

*a)* Ĝia konstanta kreskado;

*b)* la ĉiea kompreno de ĝia ideo kaj en

*c)* la entuziasmo, kiun ĝi kaŭzas.

II. Efikaj vojoj suksesigi Esperanton estas:

*a)* Ke ĉiu aparta persono laboru laŭ sia aparta povo, talento kaj kondiĉo;

*b)* ke komisio aperigu senĉese bonajn artikolojn pri Esperanto en la gazetoj naciaj. Se ni nenion aŭdigas oni diras: Esperanto jam ne ekzistas, oni ja nenion aŭdas pri ĝi.

III. Kiu havas rilaton kun la registaro utiligu kaj uzu ĝin singardeme sed persiste.

IV. Ĉiu lando sin organizu, ili ĉiuj kuniĝu en unu granda organizo, laŭ la jam montrita vojo.

V. La plej urĝa necesaĵo en nia movado estas:

*a)* Instigi la anojn je aĉeto de bonaj Esperantaj libroj kaj je abono de niaj grandaj gazetoj. Nur per tio ni gajnos eldonistojn, nur per tio ili donos honorarion. Oni prijuĝas popolon laŭ ĝia literaturo; nur per floranta, ĉiam kreskanta literaturo ni povas dokumenti nian vivon;

*b)* la sola danĝero estus malpaco, kaj tiun ni ne bezonas timi. Ni bone scias, ke la sukceso sole dependas de nia unueco.

VI. Esperanto posedas la internacian senton. Neniam antaŭe ĝi sin prezentis tiel perfekta al la homaro. Ĝi sin turnas senescepte al ĉiuj.

Ĝi similas al religia sento, sed ĝi superas ĝin, ĉar ĝi nur konas la benon, ĝi ne enhavas la malon, la malbenon. Ne estas konsilinde, paroli pri pacifismo en nia movado; tio tuŝas politikon kaj kaŭzos kontraŭdiron. La paco inter la popoloj nepre naskiĝos, elvenos de si mem el Esperanto. — *M. Hankel.*

S-ro HODLER, direktoro de *Esperanto* petis, ke mi bonvolu ŝpari al mi la laboron prezenti lin en lia propra gazeto. Mi do obeas kaj lasas mian plumon en la inkujo...

I. La sukceso de Esperanto konsistas en tio, ke pli kaj pli granda nombro de personoj kaj institucioj ĝin *uzas* por siaj internaciaj rilatoj. Fakte, tian rezultaton ni jam atingis. La problemo estas: pligravigi la servojn riceveblajn per Esperanto, pligrandigi la nombron de la uzantoj de tiuj servoj. Mi tute ne scias, ĉu Esperanto iam fariĝos ĉies dua lingvo (tion respondos la estontaj generacioj), sed ke ĝi povas fariĝi la lingvo de tiuj homoj aŭ grupiĝoj, kies interesoj preterpasas la naciajn landolimojn, ŝajnas al mi realigeble — se nur ni firme volas ĝin.

II. Por progresigi Esperanton ĉiuj vojoj, laŭ la cirkonstancoj, povas esti bonaj kaj utiligataj. Por esti efikaj, la diversaj propagandmanieroj devas sin apogi unu sur la alia kaj ne esti metataj unu *kontraŭ* la alia.

III. Nuntempe naciaj registaroj ne povas nin multe helpi. En multaj landoj lokaj registaroj (urbestraroj, provincestraroj) povas fari al ni utilajn servojn. Tamen, ĉio tio estas flankaĵo. *Ni* mem unue *laboru*. Kiam ni estos fortaj, la registaroj atentos nin. For de ni la kredo, ke per dekretoj la registaroj povus vivigi nian lingvon, se ni mem antaŭe ne sukcesis ĝin vivigi.

IV. Necesa estas ĉiam pli intima kunlaborado inter niaj diversaj organizaĵoj. Nenion novan oni kreu, sed prefere oni simpligu nian organizon, evitante ĉian duoblan elspezon de energio. Oni lasu vivi nur tion, kio povas vivi per si mem; la ceteron oni senkompate fordonu al morto. En la estonteco devas vivi kaj povos vivi nur tiuj organizaĵoj, kiuj havas realan utilecon, seriozan administradon kaj bonstatajn financojn. Ĉio kio ekzistas nur sur papero estas malutila.

V. Plej urĝa necesaĵo: ke ĉiu fervore kaj metode laboru laŭ sia kapablo kaj ne fordonu la respondecon al kelkaj — ĉiam samaj — personoj. Plej gravaj danĝeroj evitotaj: individua inerteco, kredo je la tutpotenco de la komitatoj, internaj disputoj, senutilaj aŭ malordaj organizaĵoj, lingvaj batalo j.

VI. La *lingvo* Esperanto per si mem ne multe pli helpos je la internacia paco ol la fervojoj, la radiotelegrafio aŭ la aeroplanoj (kiuj povas servi egale por la paco aŭ la milito) — sed, *se* la Esperantistoj tion volus, ĝi povus esti bonega ilo je la servado de la intergenta paco kaj monda civilizado. Multaj Esperantistoj konscias pri tio, teorie konsentas, ke „la popoloj faros en konsento grandan rondon familian", sed praktike rifuzas akcepti ĉion, kio povus helpi al tio, ke tiu versaĵo ne restu nura versaĵo. La registarojn ili timas, kvazaŭ, la registaroj mem abomenus la pacon kaj persekutus ĉion, kio iel povas helpi al ĝi... Stranga ideo pri la moraleco de la registaroj! — *H. Hodler.*

S-ro B. KOTZIN (Moskvo), redaktoro de *La Ondo de Esperanto* kaj verkinto de trafa kompara verko pri *Historio kaj teorio de Ido,* bonvolis sendi la jenajn liniojn, kvankam pro eraro la demandaro de la enketo estis sendita al li tro malfrue:

Se oni demandas la infanon: „Kiu estas la plej bona, ĉu la patro aŭ la patrino", la infano respondas: „ambaŭ estas la plej bonaj". Mi, kompreneble, ne estas infano, sed se oni demandas min: „Kiu estas la plej bona vojo por sukcesigi Esperanton, ĉu individua propagando, praktika aplikado, apogo de la aŭtoritatoj k. t. p., mi respondas: „Ĉiu vojo estas la plej bona, ĉiu vojo estas la plej irinda". Ni propagandu individue, ni apliku praktike kaj eĉ (ne ridu!) sur la koverto de nia letero estu presita la vorto „Esperanto" kaj ni bedaŭru, ke tiu vorto mankas sur la oficialaj kovertoj de nia kara UEA!

Nur pri unu flanko mi volus atentigi: pri la neceso defendi Esperanton. Se vi aŭdas la mensogan diron, ke nia lingvo estas nesufiĉe perfekta, pruvu fakte, pruvu dokumente, ke Esperanto estas lingvo plej perfekta kaj multe pli simpla, pli facila, pli bela ol Ido, Idiom Neutral k. a. kabinetprojektoj.

Pri la demando VI mi opinias, ke „oficiale" Esperanto estu nura ilo, nura lingvo internacia. Simile fervojo estu

fervojo, telegrafo estu telegrafo, aeroplano restu aeroplano. Ili restas iloj, kvankam ili, kiel Esperanto, unuigas la homaron, sed, feliĉe, nuntempe nek telegrafo, nek aeroplano bezonas specialan propagandon. Ni propagandas Esperanton, ĉar la publiko inerte, skeptike rilatas al la ideo de lingvo internacia.

Ni povus esperi, ke Esperanto havos grandan influon sur la internacian pacon, se la multlingveco estus la ĉefa kaŭzo de militoj. Tamen okazas bataloj inter samlingvanoj. Tamen eĉ esperantistoj malpacas kaj ĵus unu franca Esperanta gazeto kraĉis la tombon de nia franca samideano. Krom la lingvo, tre gravan rolon ludas la religio, la ekonomio k. c. Esperanto estas uzebla ne nur por la paco, sed por la milito, por la mortigado, por la friponado, simile al poŝto, aeroplano k. c. Se mi estas pacifisto, mi uzas Esperanton por la pacifismo, se mi estas ŝovinisto, mi utiligas Esperanton por la ŝovinismo. Same ŝovinisto aplikas aeroplanon, fervojon, telegrafon, sed ĉu pro jena apliko la fervojo, la telegrafo k. c. ne progresigas la homaron? Certe jes kaj certe progresaĵon prezentas nia lingvo internacia, kiel instrumento tre utila por la interpopolaj rilatoj. — *B. Kotzin.*

---

S-ro WILLIAM W. MANN (London), ĉefredaktoro de *British Esperantist* kaj *Esperanto Monthly*, estas unu el niaj plej malnovaj kaj laboremaj britaj samideanoj.

I. La triumfo aŭ sukceso de Esperanto estos tiam, kiam la publiko ĝenerala konsentos la internacian disvastiĝintecon de la lingvo, kaj utiligos ĝin komune por plifaciligi internacian agadon tiel same facile kaj sendemande, kiel oni nun jam uzas la fervojon, la senfadenan telegrafon, la vaporŝipon, la poŝton, k. t. p.

II. La plej bona vojo por atingi tiun sukceson ne estas por ĉiu homo la sama. Tio dependas de la persona temperamento. Unuj preferos, prave, la individuan propagandon, kaj plej bone per ĝi efikos; aliaj kunagemaj kaj konkretemaj sin dediĉos plej ĝoje kaj utile al praktika aplikado en UEA; kaj la laboro de la unuj kaj aliaj reciproke helpos. Sen la faktaj aplikoj, kiujn liveradas la organizo de UEA, la individuoj restos iom teoriaj aŭ diletantaj; sen la individua diskonigado, UEA estos mem malhelpata. Pri la aŭtoritatoj: certe ilia publika aprobo kaj subteno estas valora helpo, ĉar ĝi atestas publikan konfidon al nia afero kaj tiel influas la homojn al nia favoro; sed oni ne devas forgesi, ke aŭtoritata aprobo nebazita sur efektivaj faktoj kaj utiloj de Esperanto estas nur „vantaĵo kaj ventaĵo".

III. En sama perspektivo oni devus juĝi, ŝajnas al mi, tiun demandon. Ju pli da efektiva bonvolo kaj aprobo nia afero povas havi flanke de la registaro, des pli faciliĝos ĝia komuna alpreno en la ĉiutaga vivo. La propagandisto tamen devus eviti tie ian enmikson en malfacilaj akraj politikaj problemoj inter popoloj. Oni devas ne forgesi la internan ideon! Cetere, tio dependas iom de la landaj cirkonstancoj. Estas registaroj kaj registaroj!

V. Ŝajnas al mi, ke la plej urĝa necesaĵo en nia movado, nun kiam ni plene pruvis la taŭgon de Esperanto por kiuj celoj ajn, estas, ke la Esperantistoj iom pli vidu sin en la perspektivo de la ĝenerala internacia kampo, t. e., ke ili esploru, studu, pli intime konu kaj rilatiĝu la diversajn grandajn internaciemajn movadojn kaj instituciojn *ne*-esperantistajn, aliĝu al ili kiel helpontoj, aplikonte Esperanton al definitivaj celoj por interagado de l'popoloj. Tiel ili evitos tion, kio estas eble la plej grava danĝero evitota, nome: ke la Esperantistoj ŝajnu al la cetera mondo ne praktikaj internaciistoj, sed senperspektiva fantaziularo. Bedaŭrinde la cetera mondo, malgraŭ nia ĝenerale tre kontentiga progresado, nur tro ofte havas tiun opinion. Por ĝin forigi, la Esperantisto devus konscii pli klare la rolon de Esperanto kaj de si mem en la granda laboro de l'mondo, kaj jen io, kio denove, dependos de l'temperamento individua. Plue, kiam ni vidos nian movadon „en perspektivo", la demando pri la „estonteco de niaj diversaj organizaĵoj" (IV) aŭtomate solviĝos.

VI. Certe Esperanto influos al internacia paco, ĉar oni malfacile sentas malpacon al homoj, kun kiuj oni iam bone konatiĝis kaj intime amikiĝis, kiel faris multaj Esperantistoj. Multaj malpacoj devenas nur de malkompreniĝoj, kiuj ofte devenas nur de lingvaj baroj. Ĝi estas ja nur *ilo* por interkompreno, sed sen bona instrumento eĉ la plej bona artisto ne povas multe *influi*. La *ileco* kaj la *influeco* de nia lingvo estas iom interdependaj. — *W. W. Mann.*

---

Kiu ne konas S-ron H. BOLINGBROKE MUDIE (Hobomo, se vi volas plezurigi lin), la lertegan organizinton de la Tria, la fervoran propagandiston de nia afero en Britujo . . . kaj alilande (S-ro H. B. M. estas tre vojaĝema), la ĉie ŝatatan prezidanton de UEA kaj BEA? S-ro H. B. M. ĵus revenis de longa vojaĝo tra Kanado kaj bonvolis sendi al ni la interesan leteron sube legeblan. Praktika, konciliema, prudenta, optimista, S-ro H. B. M. estas modela kongresprezidanto kaj karavanestro. (Admiru iam kiel li gvidas siajn „ŝafojn"). Lia devizo: „Havu fidon!"

Karaj Esperantianoj,

Mi ĵus revenis de trimonata vojaĝado tra Kanado. La alpreno de internacia lingvo havos por tiu ĉi vasta lando tre gravan efikon: Ne nur en la Provinco Quebec, kie la granda plimulto de la enloĝantaro ankoraŭ kaj ŝajne ja por ĉiam daŭros paroli la francan lingvon, sed eĉ pli ĉe la vastaj ebenaĵoj de la „Prairie", kie la diversnacia enloĝantaro parolas ĉiujn konatajn lingvojn de l'mondo. Neniam mi vidis homamason tian, kian mi trovis en la valo de la Sakatchewan rivero: Poloj, Finnoj, Svedoj, Rusoj, Angloj laborante ŝultro ĉe ŝultro kaj, pro lingva diverseco, apartigitaj en malgrandajn samlingvajn rondetojn. Eĉ pli rimarkinde estis en Brita Kolumbio, kie Hindoj, Ĥinoj kaj Japanoj estas ja multnombraj.

La lingva demando, do, tute ne rilatas ekskluzive al la Malnova Mondo, kaj tre vigle mi propagandis nian ideon, kaj ĉie trovis tre simpatian akcepton ĉe la publiko.

Ni klopodu speciale ĉe la elmigrejoj kaj insistu, ke la regnestraro presigu dokumentojn en Esperanto. Ni citu la ekzemplon de la Los Angeles Komerca Ĉambro, kaj rekomendu al ĉiuj novaj landoj kaj fervojaj kompanioj organizi propagandajn kunvenojn kun lumbildoj en Esperanto. Ni eĉ rekomendu, ke nove baptotaj haltejoj ĉe konstruataj fervojoj havu Esperantajn nomojn, kaj ni certe helpos la movadon akiri tion, kion ni nomas la *triumfo* de Esperanto.

Tre detale klarigi la pensojn kunligitajn kun tiu triumfo ne estas facile. Tamen ĝi nepre enhavas la publikan instruadon de nia lingvo almenaŭ en ĉiuj *komercaj* lernejoj. Ĉiu internacia kongreso, konferenco aŭ diskutado devus alpreni Esperanton kiel oficialan lingvon. Poste povos okazi la deviga instruado de Esperanto en ĉiu nacia publika lernejo. Tiu ĉi instruo devus esti bazo por ĉia alilingva edukado. Kompetentaj studentoj, lernintе Esperanton, plej facile povos barakti kun la malfacilaĵoj de aliaj lingvoj. Tiuj, kiuj ne kompetentas lerni Esperanton, neniam ajn povos lerni ian alian lingvon.

La maniero, laŭ kiu ĉiu Esperantisto povas plirapidigi tiun „triumfon" estas, en la komenco, per persona klopodado. Ĉiu samideano uzu ĉiun okazon ne tro trudeme atentigi pri jam akirita progreso. Neniu silentu pri nova sukceso, kaj ĉiu memoru ke nenio prosperas kiel la sukceso mem.

Ĉiuj publikaj institucioj kaj parlamentoj kompreneble tretre malrapide movadas. Nur post konstanta incitado ili konsentas entrepreni ion novan. Tio estas ja tute prava, ĉar ekzistas multaj aferoj en la mondo, kiuj postulas atenton! Tamen ni Esperantistoj neniam forgesu konstante atentigi pri la tre grava rilato, kiun havas la lingva demando je ĉia progreso ajn kaj, en la belaj vortoj de nia tre ŝatata himno, „eĉ guto malgranda, konstante frapante, traboros la monton granitan“.

Kompreneble la plej efika propagando estas la peresperanta. La unuaj paŝoj de nia progreso estis sekve la plej malfacilaj. Ni nur povis allogi la rilate malgrandan proporcion de la homaro, kiu ŝatas idealojn kaj estas preta fari personajn oferojn por fina publika bono. Sed ni jam eniras la periodon, kiam ni povas montri praktikajn profitojn, aŭ spiritajn aŭ materialajn, kiuj akompanas la akiron de Esperanto. Pro tio UEA. havas tian gravegan efikon ĉe la vojiro al tiu celata triumfo.

La fama Abdul Baha unu tagon petis, ke mi lin vizitu. Li riproĉetis min pro la maniero de nia propagando. Bonega ĝi estas, li diras, sed ĝi daŭros kvin cent jarojn. Mia metodo, li diris, ĉion atingos post kvindek jaroj maksimume. Ĉiu lingvo en la mondo devas sendi delegiton al konferenco interlingva ĉe dezerta insulo aŭ alia senkomforta loko. Tiu konferenco ne devas disiri antaŭ ol oni venis al unuanima konkludo pri la elektinda lingvo. Tiam ĉiu delegito venos ĉe sia parlamento, kaj insistos, ke tiu elektita lingvo estu tuj instruata en ĉiu nacia lernejo de la mondo. Bonege, mi respondis. Sed ĉar parlamentoj nur agas post longa pinglopikado, ni nomu nian metodon la pinglopikadon, kiu iom post iom alkondukos la publikan opinion al la Baha propono. La starigo de internacia parlamenta enketo por la demando pri internacia lingvo ne ŝajnas al mi nekredebla. Niaj klopodoj do estu direktataj en tiun vojon. La Brita Esperantista Asocio ĵus dissendis „Esperanto for All“ al ĉiu Brita Parlamentano. Ĉu aliaj landoj opinias bone simile fari?

Pri la estonteco de la diversaj jam kreitaj organizaĵoj mi opinias, ke kelkaj estos konstante necesaj, kaj aliaj ne devos plu ekzisti post la plenumo de la prirevita triumfo. Ekzemple, kiam la lingvo estos oficiale instruata en lernejoj de Anglujo, mi ne povas vidi la utilon de Brita Esperantista Asocio, kiu funkcias sole kiel propaganda institucio. Same pri ĉiuj naciaj propagandaj societoj. Sed ŝajnas al mi, ke institucioj tiaj, kia UEA havas bazon konstantan. Internaciaj komercistoj, vojaĝistoj, teknikistoj kaj laboristoj konstante bezonas interrilatilojn. Bankoj kaj Hoteloj Esperantaj ankaŭ simile funkciados. Pri la Akademiaj institucioj, kiel ekzemple Lingva Komitato, estas malpli facile decidi. La lingvo ŝajne ĉiam bezonos ian aŭtoritaton, tute ne por kontroli, sed por konstati la iom-post-ioman kreskadon aŭ, pli bone diri, evoluadon de la lingvo mem. Ĉu tiu institucio iam fariĝos oficiala internacia komitato sub regnaj aŭspicioj mi tre dubas.

La plej urĝa necesaĵo de la movado estas la konstanta pligrandigo de la oficiale subtenataj kursoj kaj la nombro de iliaj studentoj. Egale grava estas la plioftigo de komercaj servoj plenumeblaj nur per Esperanto. Tuj kiam la komerca mondo eltrovas, ke per tia simpla lingvo ĝi povas akiri grandan profiton, la batalo estas duone gajnita. Ĉar la ĉiopova oro estas plej potenca kunbatalanto.

Danĝeroj gravaj ne plu ekzistas en la sama grado kiel antaŭe. Ĉiu travivita jaro lasas nin pli forte starigitaj, kaj en la koroj de tiuj, kiuj uzas la lingvon ĉiutage, troviĝas la signo de nia forteco. La afero, kiel jam konstatis la Majstro, ĉesis esti persona demando.

Mi memoras ke, ĉe la Ĝeneva Kongreso, kiam la elektitaj el la samideanaro troviĝis sur tiuj homplenaj ŝipoj sur la bela lago, la penso venis al mi pri la katastrofo, kiu okazus al la movado, se ĉiuj lagfundiris. Sed eĉ en tiu tempo mi dubas ĉu la movado estus pli ol momente haltigita per tia ŝippereo, kaj en kelkaj rilatoj — laŭ niaj postaj spertoj — la progreso estus eĉ helpita per la malapero de kelkaj el niaj tiamaj kunbatalantoj.

Mi konsideras, ke danĝeroj pri tiel nomitaj „reformoj“ estas preskaŭ neatentindaj. Estus stranga reklamo pri la stulteco de la homaro se dum dudekses jaroj la publiko daŭre uzadis malfacilan artefaritan lingvon, kiam troviĝis pli facila. Tiuj kvazaŭreformoj, kiuj kelkfoje iom allogas je sia unua prezentiĝo, baldaŭ perdas siajn bonajn ecojn kiam submetataj je konstanta uzado.

Ĉiuj internaciaj movadoj tre certe altiros profiton per la alpreno de internacia lingvo, kaj inter ili kaj eble eĉ ĉefe inter ili, la paca movado. Ke ĝenerala alpreno de Esperanto iam tute forigos la militon mi tute ne povas kredi, ĉar bedaŭrinde malkompreniĝo ne estas ĉiam la sola kaŭzo de tiaj krimoj kontraŭ civilizacio. Tamen en almenaŭ naŭ okazoj el dek scii estas ŝati, kaj kompreni estas aprobi. Laŭ mia opinio la ĉefa malamiko al la militado, krom Kristanеco, estas la internacieco mem. Ju pli niaj financaj interesoj kunplektiĝas, des malpli ni emos tranĉi al ni la propran gorĝon. La historio de la dudeka jarcento jam tre klare montris la pravecon de tiu pretendo.

Mi volus eĉ pli detale ektuŝi tiujn ĉi plej interesajn demandojn, kaj mi volas danki nian entrepreneman Redaktoron pro tio, ke li starigis la enketon.

Sed ĉu niaj respondoj al la diversaj demandoj estas pravaj aŭ ne, unu afero tute klare elstaras: ni, kiuj okupas nin per la alpreno de internacia lingvo, dediĉas nian tempon kaj forton al afero bona kaj grava. Mi eĉ diros, ke ĝi estas afero *fundamenta* ĉe la progreso de l'homaro en *ĉiu* rilato de la vivo. Ĉar kio estas, kio diferencigas nin de la bestoj, se ne la povo pensi, kaj vorte aŭ skribe esprimi tiujn pensojn?

Ni do plenfide daŭrigu niajn klopodojn, ne serĉante personajn profitojn, sed konstante trovante neatenditajn benojn, kiujn nur la posedo de nia kara lingvo povus provizi. — *H. Bolingbroke Mudie.*

La vivo de EDMOND PRIVAT ŝajnas ligata kun la vorto Esperanto. Sur la mondscenejon de Esperantujo li aperis la unuan fojon en Boulogne sur Mer je la aĝo de dekkvin jaroj. Lia posta agado ne trompis la esperon de tiuj, kiuj kredis je lia persista fervoro. Senlaca propagandisto, Edmond Privat certe batas ĉiujn rekordojn de per- kaj priesperantaj vojaĝoj. Sinsekve Ameriko, Britujo, Francujo, Rusujo, Germanujo, Aŭstrio, Italujo allogis lian propagandemon. Lian oratoran talenton ĉiu Esperantisto de longe konas, liajn verkistajn kapablojn neniu neas, kaj S-ro P. estas nur dudekkvarjara. . . .

I. La „sukceso de Esperanto“ estas la ĝenerala uzado de la lingvo en internaciaj rilatoj. La vortoj „fina venko“, „fina triumfo“, k. t. p. ne estas tre praktikaj inspiriloj, sed nur literaturaj esper-esprimoj.

La sukceso de Esperanto jam okazis kaj daŭras okazi grandiĝante, ĝi estas senfina venkado, konsistanta el ĉiutagaj sukcesetoj. Venkas Esperanto ĉiutage, kiam unu fojon pli ĝi estas uzata utile. Jam tre definitive ĝi venkis fariĝante vivanta lingvo.

II. Ĉiuj bonaj vojoj estas utilaj por sukcesigi Esperanton. Ĉefaj estas ĉiam pli efektiva uzado, persona agado per konigado de akiritaj rezultatoj al individuoj, al societoj kaj al registaroj, se bona okazo prezentiĝas.

III. La registaroj enkondukos Esperanton en la lernejojn, kiam la publiko tion postulos. Ĝis la gepatroj firme deziros, ke la infanoj lernu la lingvon, la registaroj povas nur fari provojn aŭ doni pli-malpli gravajn kuraĝigojn.

IV. Inter la Esperantaj organizaĵoj ĉefe daŭros tiuj, kiuj per Esperanto laboras por speciala celo.

V. Urĝa estas, ke ni kreu per Esperanto servojn utilajn al la homaro kaj subtene vivigu tiajn kreajojn jam ekzistantajn. Ju pli Esperanto reprezentos riĉan enhavon de efektiva homa helpo, des pli potenca ĝi estos. Esperanto havas kiel tujan taskon fariĝi iom post iom la oficiala lingvo de l' gravaj internaciaj movadoj.

VI. Esperanto jam havas senteblan influon rilate je internacia paco, ĉar ĝi forprenis ŝovinistajn antaŭjuĝojn de multaj el siaj adeptoj. Ankaŭ per sia evidenta literatura spirito ĝi influas la mondon. Ĝia disvastiĝo samtempe kreskigas inter diversnaciaj homoj senton de komuna solidareco, kiu logike kontraŭstaras la militemon. — *Edmond Privat.*

S-ro ROLLET DE L'ISLE (Paris) estas konata kiel Prezidanto de la franca societo por la propagando de Esperanto. Li ankaŭ estas Prezidanto de la Organiza Komitato de la Deka Kongreso, por kies triumfo li nun multe laboras. Sub lia konciliema kaj senpartia prezidado, la S. f. p. E. — nia plej malnova nacia societo — refortiĝis kaj reunuiĝis.

I. La triumfo de Esperanto estos atingita kiam la lingvo de Zamenhof estos uzata de ĉiuj homoj por iliaj internaciaj interrilatoj.

II. La tri proponitaj vojoj estas bonaj sed ne egale; laŭ iliaj graveco kaj taŭgeco, oni devas ordigi ilin tiamaniere: 1e individua propagando; 2e praktika aplikado; 3e apogo de la registaroj. La unua estas multe pli bona ol la aliaj.

III. Mi ne komprenas tiun demandon: Esperanto estas lingvo; la registaroj, se ili opinias ke ĝi estas utila, decidos ke oni instruos tiun lingvon en la lernejoj. Kiaj aliaj rilatoj povas ekzisti inter vivanta lingvo kaj registaro?

IV. Post kiam Esperanto estos universe uzata, ĉiuj nun ekzistantaj organizoj de propagando evidente malaperos. Por kontroli la evoluadon de la lingvo, Akademio internacia estos la sekvaĵo de nia nuna Akademio. Eble UEA ankaŭ restos kiel Tutmonda Turista Asocio?

V. La plej urĝa necesaĵo en nia movado estas kunagado de la naciaj societoj de propagando. La plej grava danĝero estas kunligo de Esperanto kun alia ideo (kiu ajn estu la beleco de tiu ideo). Ni memoru ĉiam, ke Esperanto estas ilo kaj ne celo, kiel tre bone diris S-ro Cart; kaj ne kunligu la ilon kun iu ajn celo.

VI. Mi estas profunde konvinkita, ke Esperanto havos grandan influon sur la starigo de internacia paco. Efektive pli kaj pli la registaroj ne kuraĝas decidi militon, kiu estus malaprobita de iliaj popoloj; nur Esperanto disvastiĝas ĉefe en la popolajn mediojn kaj naskas ĉe ili profundan senton de internacia interfratiĝo. Tiun senton la registaroj pli kaj pli ofte renkontos sur la vojo al la milito kaj baldaŭ ĝi tute baros la vojon. — *Rollet de l'Isle.*

S-ro D-ro ROSENSTOCK (Krakow), alie dirite *Napoleono,* jam ne bezonas specialan atentigon. Neniu forgesis la talentan organizinton de nia Jubilea Kongreso — la modela kongreso, ĉe kiu la bonega organizo egalvaloris la ĉarman akcepton. S-ro D-ro R. bonvolis sendi, responde al nia enketo, artikolon, en kiu li speciale priparolas la rilatojn de Esperanto kun ŝovinismo.

Multaj propagandistoj plendas, ke la ŝovinismo, kiu en la nuna tempo ŝajnas triumfi ĉe ĉiuj kulturaj popoloj, grave malhelpas la disvastiĝon de Esperanto.

Post pli profunda pripenso oni povas veni al konkludo, ke ĝuste tiu ŝovinismo, kiu provizore sendube malfaciligas al ni nian propagandan laboron, fariĝos iam grava faktoro, kiu devigos la homaron akcepti Esperanton kiel internacian komprenigilon.

Tiu momento de ĝenerala akcepto de lingvo internacia venos tiam, kiam unuflanke la ŝovinismo en sia triumfo atingos la limojn de absurdo kaj duaflanke la rapide progresanta ekonomia kaj intelekta kulturo konsciigos al la popoloj, ke la kunvivo de diversnaciaj socioj ne estas ia „necesa malbono", sed nepra kondiĉo de vivo ĝenerale.

La XIXa jarcento vekis ĉe multaj popoletoj, pri kies ekzisto oni eĉ antaŭe ne sciis, fortan konscion pri iliaj naciaj aparteco kaj digno. Hodiaŭ ĉiu eĉ la plej malgranda nacio defendas energie la rajtojn de sia lingvo, de sia kulturo, de sia tradicio kaj klopodas sendependigi sin de iaj ajn kontraŭaj influoj de la fremdaj najbaroj. Ĉiu popolo volus vivi per kaj por si mem.

Tia celado estas absurda kaj ĝia rezultato — se ĝi kompreneble estus atingebla — estus identa kun malprogresado kaj fina neniigo de la vivo.

Same kiel individuo ne povas hodiaŭ tute izoli sin de siaj kunhomoj, sed volante vivi kiel kultura estaĵo, nepre devas profiti ilian laboron, ankaŭ la nacioj ne povas kontentigi sin per la produktoj de sia propra laboro, sed, absolute devas utiligadi por si boncelajn akirojn de aliaj popoloj. Popolo, kiu volus strikte apartigi sin de siaj najbaroj kaj kontentigi ĉiujn siajn bezonojn per la fruktoj de sia propra laboro, devus rapide malprogresadi, sovaĝiĝi kaj fine perei, ĉar izola vivo estas en la hodiaŭa tempo neebla.

Tiuj du rivalaj fluoj, unuflanke la ŝovinismo, kiu proklamas la devizon „vivu per vi mem" kaj duaflanke la instinkto de memkonservo; kiu komprenigas, ke la postuloj de ŝovinistoj kontraŭdiras la principojn de la vivo, batalos tiel longe, ĝis fine la unua fluo malvenkiĝos, ĉar ne ekzistas io pli forta same ĉe la individuoj kiel ankaŭ ĉe kunariĝoj de individuoj, t. e. ĉe la nacioj, ol la instinkto de memkonservo, kiu kategorie postulas pacan kunvivon kaj reciprokan interhelpon de ĉiuj kulturaj nacioj.

Sed la ŝovinismo postlasos malgraŭ ĉio unu valoran veron, nome, ke la lingvo de ĉiu popolo estas ĝia plej granda trezoro kaj ke ĉiuj lingvoj havas egalajn rajtojn. Pro tio neniu nacio estos preta oferi siajn apartaĵojn por la idealo de reciproka kunvivo ĝis tiu grado, ke ĝi simple akceptu la lingvon de iu alia nacio por la celoj de internacia interkomprenigado. Normala kunvivo de nacioj postulas komunan spiritan interkomunikilon, sed ĉiu kultura popolo rajtas postuli, ke ĝia lingvo fariĝu ĝuste tiu interkomunikilo. Tio estas evidente neebla, kaj tamen la internacia kunvivo sen komuna lingvo ne estas pensebla.

Sekve, malgraŭ ĉio la instinkto de memkonservo ĉe la nacioj devigos ilin doni al unu el la naciaj lingvoj la rolon de universala interkomprenigilo? Ne, ĉar tiu instinkto nek bezonas, nek postulas tiel grandan cedon je favoro de internacia kunvivo. La problemo estas alimaniere kaj tamen tute kontentige solvebla. Oni akceptos lingvon, kiu apartenas al neniu nacio.

Kiu lingvo ĝi estos, tion ĉiu Esperantisto facile divenos. — D-ro *Leon Rosenstock.*

S-ro Th. ROUSSEAU (Dijon), vicprezidanto de UEA, kies kunfondinto li estas, ludis kaj ludas en nia movado pli gravan rolon ol povas supozigi la ĝisnuna konateco de lia nomo. Esperantisto de dek jaroj, S-ro R. ĉiam estis priokupita je la neceseco starigi nian movadon sur praktika vojo, anstataŭi la pure predikan propagandon per praktika metoda organizita agado. Kvankam koncilièma pri la detaloj, S-ro R. havas tre netajn kaj firmajn principojn pri nia afero.

I. Laŭ opinio de multaj, la sukceso aŭ la triumfo de Esperanto konsistos el tio, ke ĝi estos akceptita en la tuta mondo kiel helpa lingvo por la internaciaj rilatoj. Mi mem ja ne scias, ĉu tia tago iam venos.

La sukceso de aŭtomobiloj (kiun neniu neas) konsistas ne el tio, ke ĉiu homo havas aŭtomobilon, sed ke multaj homoj utile aŭ plezure uzas ilin. Same la sukceso de Esperanto ne konsistos el tio, ke ĉiu homo ĝin scios, sed konsistas ja el tio, ke jam de nun, ekzistas oftaj cirkonstancoj, ĉe kiuj multaj homoj estas certaj ĝin trafe uzi.

II. Kiu estas la plej taŭgaj armiloj por venki sur la batalkampo? Ĉu tiuj de infanterio, de kavalerio, de artilerio? Kion vi opinius pri ĉefgeneralo, kiu irus al la batalo nur kun infanterio? aŭ nur kun kavalerio, aŭ nur kun artilerio? La samon kiel pri li mi opinius pri esperantista estraro. kiu laborus por nia afero nur per individua propagando, aŭ nur per praktika aplikado, aŭ nur sin apogante sur aŭtoritatoj.

La talento de eminentaj estroj konsistas el tio, ke ili havu sufiĉe da saĝo por uzi la individuan propagandon tie, kie ĝi taŭgas, antaŭenpuŝi la praktikan aplikadon, necesan bazon kaj veran celon de nia afero, kaj en la taŭga momento kapti la helpon de la aŭtoritatuloj.

III. Koncerne niajn rilatojn kun la registaro, ni ne forgesu ke, dum nuntempe la registaroj havas prizorgojn esence naciajn, Esperanto estas antaŭ ĉio internacia afero. Nia lingvo vivas kaj sukcesas nur ĉar ĝi estas la ilo de tiuj personoj, kiuj, pli malpli konscie havas internaciajn prizokupojn, kaj estas civitanoj ne nur de sia propra amata patrujo, sed jam ankaŭ iom civitanoj de tiu pli vasta patrujo kiu, tagon post tago, malgraŭ lokaj aŭ momentaj reagoj, ellaboriĝas, nome la tuttera civilizita mondo. Tiuj naciaj registaroj, ĉe kiuj regas ŝovinismaj influoj, ne helpos nin; ni atendu pli favoran momenton por peti ilian favoron; ni agu ne tro brue en tiuj landoj, ni kontentigu nin per la lokaj kaj regionaj apogoj, kiujn malgraŭ la malfavoro de la centra registaro, ni povos trovi. En la landoj kiuj ne tro banas en la ŝovinistaj ondoj, ni pli facile ricevos daŭran kaj utilan helpon. Ĉiuokaze niaj esperantistaj organizaĵoj restu tute memstaraj ekster la registaroj. Naciaj aŭtoritatoj ne povas kapti por si Esperanton nek ĝin malliberigi, sed se ni tro fidus al ili, ili facile povus, en iaj cirkonstancoj paralizi niajn estrarojn, disfaligi niajn esperantistajn instituciojn kaj societojn, kaj tiel por tre longatempe, se ne por ĉiam, haltigi nian movadon.

IV. En la lasta tempo la organizado de nia tuta afero tre ĝojige firmiĝis: kuniĝo de lokaj grupoj en federacioj aŭ ligoj, de federacioj aŭ ligoj en naciaj societoj, pli intimaj kaj regulaj rilatoj de naciaj societoj kun UEA. En tio certe estas la skemo de nia definitiva tutmonda organizado.

Mi esperas, ke la estonteco alportos al ni ĉefe plisimpligojn. Ekzemple: pli efika kunlaborado de la lokaj grupoj kaj delegitoj de UEA, tiel ke la samideanoj, kiuj deziras esti membroj de la loka grupo, de la regiona ligo aŭ federacio, de la nacia societo kaj de UEA povu pagi la tuton en unu sola kotizaĵo per unu sola klopodo; ke estos nur unu oficiala gazeto esperantista kaj nur unu jarlibro por ĉiu federacio aŭ ligo, nur unu por ĉiu nacia societo, nur unu por la tutmondaj esperantistaj aferoj; ke niaj kongresoj fariĝos ne nur esperantistaj festoj kaj manifestadoj sed ankaŭ granda internacia laborejo, en kiu oni studos ĉiujn temojn interesantajn la antaŭenigon de la tutmonda kulturo; ke la Konstanta Komitato de la Kongresoj, la Lingva Komitato, la Akademio, estos pli kaj pli konsiderataj kiel laborantaj por la bono kaj la utilo de la jam ekzistantaj organizaĵoj, nome de la naciaj societoj, UEA kaj la fakaj societoj; kaj ke, siaflanke, tiuj organizaĵoj, ne bezonante novan reprezentantaron aŭ similan kreotaĵon, prenos sur sin la kolektadon de la necesa mono por la normala funkciado de tiuj institucioj.

V. Laŭ mia opinio la plej urĝa necesaĵo, tute ne estas trovi ian sensacian genie elpensotan rimedon por plirapidigi la disvastiĝon de Esperanto. La plej urĝa necesaĵo estas daŭrigi metode, plenfide, kaj en prudenta entuziasmo, nian unuan laboradon, uzante tre simple sed ordeme kaj harmonie la rimedojn, la instituciojn, kiujn ni ĝis nun kreis. For la fantaziuloj, la grupoj, kiuj ekzistas nur sur la papero, la societoj, kiuj havas duban administradon, neklaran buĝeton, iom hazarde elektitajn estrojn; for la gazetoj, kiuj vivas nur el artefarita bezono aŭ — pli malofte sed ja pli danĝere — el kritikaĉoj kaj polemikoj. Sed ni energie subtenu ĉiun seriozan institucion, kiu ageme kaj regule plenumas sian taskon.

Pri la danĝeroj mi opinias ke neniu estas tre grava en la nuna momento. La plej timindaj estas, kiel ĉiam, la disputoj en niaj vicoj, la suspektemo, la envio, la superregemo, la personaj ambicioj. Sed ĉio montras al ni, ke nun la esperantistaro estas tute prudentigita de la diversaj krizoj eksteraj kaj internaj, en la lastaj jaroj venke elportitaj. La granda amaso de niaj samideanoj estas firme decidita resti trankvilanimaj kaj fidoplenaj, eĉ en la ŝajne plej gravaj okazoj. Esperantismo fariĝis matura; ĝi ne plu havas la timojn de la infaneco, nek la utopiajn entuziasmojn de la juneco; sed ĝi havas la prudenton kaj memfidon, el kiuj konsistas la potenco de la plenaĝeco.

VI. Ĉu Esperanto havos senteblan influon sur la internacia paco, tio dependas ne de Esperanto mem, sed de la Esperantistoj. La tre multaj personoj, kiuj pli malpli bone scias Esperanton — certe ne malpli ol unu miliono — sed ne uzas ĝin por internaciaj celoj, nenion scias pri nia movado, ne legas niajn librojn, niajn gazetojn, ne partoprenas en la vivo de niaj societoj, en niaj kongresoj, havas neniun influon en la mondo kiel esperantistoj. Pri la aliaj — kelkaj dekmiloj — mi senhezite asertas, ke la plimulto da ili estas inklinaj je filantropiaj ideoj, je entuziasmo por noblaj celoj kaj ideoj, kaj ĝenerale multe pli abomenas la diversajn manifestadojn de ĉiunacia ŝovinismo ol la aliaj homoj, kaj mi plej sincere proklamas ke, se mi ne estus plene konvinkita, en la fundo de mia animo, per mia jam dekjara partoprenado en la esperantista movado, ke niaj samideanoj, preskaŭ senescepte, ĉiutage kunlaboradas por alporti pli da paco inter la homoj, mi tuj, laŭ la energiaj paroloj de nia majstro en la Ĝeneva kongreso, elŝirus el mia bruston la verdan stelon. — *Th. Rousseau.*

---

Generalo SÉBERT (Paris), la plej eminenta el niaj eminentuloj, ludis tre gravan rolon en la disvolviĝo de nia afero dum la lastaj dek jaroj. En 1898 li konatiĝis kun Esperanto, en 1900 li faras raporton pri ĝi ĉe la franca Akademio de la Sciencoj, en 1905 li fondas la Esperantistan Centran Oficejon, kiun li malavare monhelpas. De tiam li ne ĉesas okupiĝi pri Esperanto kaj la firmigo de ĝiaj institucioj. Prezidanto de la K. K. K., prezidinto de la Esp. Scienca Asocio, li verkis propagandajn broŝurojn, varbis scienculojn kaj ne ŝparis sian penadon por enkonduki Esperanton en la oficialajn rondojn. Ekster nia afero generalo Sébert estas membro de la franca Akademio de la Sciencoj; li partoprenis en la gvidado de multaj societoj kaj movadoj.

Pro manko da tempo, mi ne povas detale respondi al via letero, kaj mi nur rapide sendas al vi kelkajn vortojn pri la ĉefaj temoj de via demandaro.

Unue mi opinias, ke la fina sukceso aŭ triumfo de Esperanto, kiun ni povas esperi kaj devas prepari, estos

nur la momento, kiam post ebla interkonsento de kelkaj ĉefaj nacioj, la uzo de Esperanto, kiel internacia lingvo estos akceptata de la influaj Institucioj kaj eĉ de la oficialaj povoj en ĉiu lando.

Tiun sukceson ni ne devas atendi el esploroj de parlamentoj aŭ el decidoj de registaroj, kiuj elektus mem la alprenotan lingvon, inter la eblaj konkurantoj, sed ĝi devos rezulti el la simpla fakto, ke la lingvo estos jam sufiĉe disvastigita kaj praktike uzata en ĉiuj partoj de la mondo.

Tre rekomendinda, por la efika propagando de la lingvo, estas certe la individua agado, al kiu Esperanto jam precipe ŝuldas sian nunan disvastiĝon, sed la personaj agadoj de la propagandistoj bezonas direkton kaj apogon de la naciaj societoj, kiuj devas zorgi pri la speciala organizado de la instruado en ĉiu lando.

Por helpi la ĝeneralan propagandon estas necese, ke la Esperantistoj posedu iun Centran Institucion, kiu povas reprezenti ilian movadon.

Tiu institucio povas ankaŭ zorgi pri la konservado kaj la defendo de la lingvo kaj pri la eventuala preparado de la utilaj manifestadoj de ĝia vivo, kiel la diversaj kongresoj de Esperanto.

La Centra Oficejo Esperantista estas fondita por tiu celo kaj la kreado de la Unuiĝo de la Esperantistaj Societoj plenigis la bezonitan organizadon, kies diversajn partojn niaj sinsekvaj universalaj kongresoj, iom post iom, sukcesis kunordigi.

La ĉefa celo de la fervoraj samideano devas esti hodiaŭ faciligi la funkciadon de tiuj regule fonditaj institucioj, forigante ĉiujn internajn disputojn, kiujn povis ĝis nun naski malĝustaj priokupoj pri personaj interesoj, ĉar la sincera konkordo de ĉiuj Esperantistoj estas la necesa kondiĉo por la realigo de la dezirata fina sukceso. — *H. Sébert.*

S-ro S. SZABUNIEWICZ (Moskvo), komitatano de UEA kaj Delegito en Moskvo (de 1908) estas unu el la plej malnovaj ka fervoraj amikoj de UEA en Rusujo.

La Esperantista popolo konsistas parte el serioza homoj, kies celo estas labori por la komuna afero, parte el personoj fremdaj al la ideo kaj aliĝintaj al ĝi okaze. La unuaj komencas sian agadon studante fundamente la lingvon, la duaj plejparte dum tutaj jaroj nur balbutas ĝin, aŭ eĉ tion ne atingas. La unuaj senbrue laboras ĉe la fundamento, la duaj fervore propagandas la lingvon, kiun ili mem ne ekposedis. La unua elemento aperas neatendite inter la vicoj de Esperantistoj, jam bone konante la lingvon, la dua estas akirata pere de lerta, ofte tro fervora propagando, konsumanta multe da taŭgaj fortoj, kiuj povus esti aplikataj senkompare pli utile. La varma fluo de Esperanto dum kvarono da jarcento fluetas sub la glacia tavolo de indiferenteco kaj inerteco de la homara riverego. Tiu ĉi tempo sufiĉis por diversloke fluidigi la glacion. Ĉiam pli kaj pli ofte aperas fendoj sur ĝia surfaco. Ankoraŭ kelkaj venkoj ĉe la tutmondaj organizajoj — precipe ĉe la popolklerigaj institucioj — kaj la varma fluo elspruĉos el sub la rigida tavolo lasante ĝin malsupre ĉe la fundo. Subite la mondo ekdeziros uzi Esperanton, aplikante ĝin al ĉiuj internaciaj agadkampoj. Kiel ondego alfluos al la Esperantistaro postuloj pri instruistoj, oficistoj, tradukistoj, gvidistoj, perfekte konantaj Esperanton. Ne diletantojn, sed spertulojn oni postulos el inter la Esperantista armeo, ne lingvoprovajon, sed lingvon maturan, aplikeblan al ĉiu ajn fako de la homa scio.

La Esperantistaro devas do pretiĝi por inde renkonti tiun ĉi momenton. Ĝia ĉefa tasko estas:

1e pretigi por la mondo aregon da spertaj profesiuloj, gvidontaj la unuajn entreprenojn, kiam ili mem tion ekdeziros kaj

2e ellabori terminarojn por ĉiu ajn fako de la homa penso.

Jen la du ĉefaj agadkampoj por la nuna momento. Oni do ne dissemu la valorajn fortojn por neutila varbado de neseriozaj elementoj, sed alcentrigu la penadojn por labori ĉe la fundamentoj.

La bonvolaj kaj fidindaj homoj venos mem sen varbado por partopreni la seriozan laboron, la aliaj venos poste kune kun la tuta mondo. — La brua diskonigado de Esperanto en Eŭropo estas nuntempe tute superflua. Ne ekzistas pli-malpli klera homo, kiu ne estas sufiĉe informita pri la Esperanta movado, se li nur ne intence evitas tion. Pro kio do perforte konvinkadi tiujn, kiuj ne atingis la kapablon kompreni, aŭ tiujn, kiuj, varbitaj, prezentas nur balaston? Oni direktu ĉiujn fortojn al la vasta agadkampo de praktika laboro. UEA prezentas taŭgan organizon por alcentrigi la disajn bonvolemulojn. La sperto pruvis, ke tiu ĉi demokrata, senpartia, estrata de profesiuloj Asocio estas bonega medio por la funkciigo de ĉiu ajn praktika ideo. Oni do uzu la organizatajn de ĝi praktikajn servojn, iniciatu novajn kaj pretiĝu tiuvoje por la momento, kiam la mondo ekpostulos nian helpon. — *S. Szabuniewicz.*

# Al niaj Abonantoj

**La pli granda parto de niaj abonoj finiĝas en decembro kaj januaro. Ni do petas, ke ĉiuj abonantoj, kiuj estas informitaj pri la finiĝo de sia abono, bonvolu kiel eble plej baldaŭ sendi sian reabonon por eviti al si interrompon en la ekspedado kaj al ni senutilajn klopodojn.**

**La jara abono kostas 5 frankojn (2 Sm.).**

**La jara abono al la luksa eldono, presata sur pli bona papero kaj broŝurita, kostas 6,25 frankojn (2,50 Sm.). Tiu luksa eldono estas aparte rekomendinda al personoj dezirantaj konservi la gazeton por la bindado.**

**Atentu!**

**La proksima N-ro de ESPERANTO aperos antaŭ la 20 januaro, kun almenaŭ 20 paĝoj.**

**Pro manko da loko la anoncoj estas prokrastataj ĝis la venonta N-ro.**



PRESEJO BÜCHLER & KO., BERNO